ilei

Driemaandelijks tijdschrift. Afgiftekantoor: Antwerpen X.
ISSN 1013-2031
Jarkolekto 30 - trimonata

3/00

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Organo de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj



**Redaktoro:**
Jozefo Németh

**Vicredaktoro:**
Katalin Smidéliusz

**Kunlaboris:**
Jennifer Bishop
Boo Mee Kim-Lindblom
Stefan MacGill
Mauro La Torre

# Enhavo

Sabine TRENNER: *Vojoj al pli paca lernejo* ..... 1
Ton VERWOERD: *Lernu ludante (2)* ..... 8
Maŭro LA TORRE: *Kion ni bezonas por kio?* ..... 10
Detlev BLANKE: *Esperanto en germanaj universitatoj* ..... 13
*Kelkaj notoj pri ILEI en UK* (Maŭro LA TORRE) ..... 18
*Infana Kongreseto subtenita de ILEI* (Stefan MACGILL) ..... 20
*34-a ILEI Konferenco* (Jennifer BISHOP, Boo Mee KIM-LINDBLOM) ..... 21
Leonardo PAMPALONI: *Mallonga filmo en Interkulturo* ..... 26
Radojica PETROVIĆ: *Interkulturo – post unu jaro* ..... 27
*El la landoj kaj sekcioj (AL, GB, JP, SE, CH, US)* ..... 29
*Juna Amiko – bona amiko* (KURUCZ Géza) ..... 34
*Anoncoj* (Katalin SMIDÉLIUSZ, János SÁRKÖZI) ..... 36
*Postparole, redakciaj informoj* (József NÉMETH) ..... 36

# Estraro de la Ligo

**Prezidanto:** Maŭro La Torre, Dipartimento di Scienze dell'Educazione, Università Roma Tre, Via Castro Pretorio, 20, IT-00185 Roma, Italio.
Tel. (+39) 06 44 62 092 aŭ 06 49 57 805, fakso: (+39) 06 49385673.
<m.latorre@uniroma3.it>; http://lps.uniroma3.it
*Interlernejaj projektoj, komunikiloj, terminaro, reprezentado.*

**Vicprezidanto**: Stefan MacGill, Bethlen Gábor u. 2, HU-2030 Érd, Hungario.
Tel. (+36 23) 364 198. <stefan.macgill@galamb.net>
*Lerniloj, komunikiloj, eldona agado.*

**Sekretario**: Mariana Evlogieva, Drujhba-2, PK 18, BG-1582 Sofia, Bulgario.
Tel. (359 2) 24-33-78. <intrpres@usa.net> aŭ <amuze@poboxes.com>
http://www.poboxes.com/amuze; http://www.webalias.com/amuze
*Membraro, sekcioj, komitato*

**Vicsekretario:** Jennifer Bishop. 39 Hill Street, Hawthorn, Victoria 3122, Aŭstralio. Tel. (+61 3) 9818 7358, fakso: (+61 3) 9905 3668.
<esperanto@education.monash.edu.au> *Lernejoj, konferencoj, gimnazio.*

**Kasisto:** Boo Mee Kim-Lindblom, Stenbockensgata 102, SE-136 62 Haninge.
Tel. (+46 8) 777 4175, <boomee.kimlindblom@swipnet.se>

**Membro**: *La estrara loko vakas, kun respondeco pri lerneja kaj universitata agado.*
**Membro**: *La estrara loko vakas, kun respondeco pri instruista trejnado kaj scienca esplorado.*
Pri la kompletigo de la estraro vi trovos detalojn sur la 12-a paĝo de IPR!

Sabine Trenner

# Vojoj al pli paca lernejo

Ĉiam denove pedagogoj kaj lernantoj havas problemojn pro mankanta konflikta kompetenteco. Necesas pedagogiaj konceptoj kaj personoj, kiuj kaze de konflikto kapablas krei pozitivajn konflikto-solvojn. La nuna kontribuo traktas la ĝeneralajn antaŭkondiĉojn kaj necesajn flankajn agadojn, por enkonduki la tielnomitan PEER-MEDIATION (grupana mediaciado aŭ interperado) en lernejojn. La artikolo ne proponas kompletan koncepton (kiel antaŭe planite). Pli detalan priskribon, kiel instali mediaciadon, mi liveros nur en la sekva numero de IPR.

### Mediaciado en lernejoj

Kiu tion ne konas: kverelado inter gelernantoj estas interrompita pere de instruisto, tiel evitante plian danĝeron. La kvereluloj – por la momento – ne plu kverelas, pardonpetas duonkore aŭ puniĝas la evidente kulpa persono eble pere de gvidaro de la lernejo. Per tio la incidento laŭforme estas pacigita, sed la baza konflikto, kiu kaŭzis la malpaciĝon, ofte restas nesolvata. Jen povus helpi mediaciado.

Tiu metodo celas trovi justan kaj realigeblan solvon por la estonteco, dum oni prilaboras la ekzistantan problemon. Ĉar la konfliktuloj helpe de mediaciisto ellaboras mem siajn solvojn, ili traktos estonte verŝajne serioze la interkonsentojn. Ekde la fruaj okdekaj jaroj ekzistas en USONO klopodoj enkonduki mediaciadon en lernejoj. Intertempe evoluis larĝa pedagogia movado sur tiu kampo kaj miloj da lernejoj enkondukis "peer mediation programs" [Cohen 1995, p. 44]. Intertempe la movado instali tiajn programojn en lernejoj plivastiĝis ankaŭ eksterusone.

Gravege por la lerneja mediaciado estas, ke ĝi povas esti uzata kaj de gelernantoj kaj de geinstruistoj. Por instruistoj la perado en konfliktoj ja nepre apartenu al la pedagogia taskaro, sed ofte malpli gravas la lernado de socialaj kompetencoj ol la lernado de (lernej-)faka kompetenco dum ilia kvalifiko.

La rolo de mediaciisto grave diferencas de la tradicia rolo de instruisto, ĉar la mediaciisto rajtas nek prijuĝi, nek taksi, nek doni solvproponojn.

Ĉe "peer mediation" la gelernantoj mem funkcias kiel perantoj. Kungelernantoj, kiuj kune havas problemon, povas uzi la servojn de la junaj mediaciistoj. Tiamaniere lernas reguli inter si konfliktojn gejunuloj, kiuj pro sia aĝo kaj siaj pli fruaj spertoj kapablas pli bone kompreni siajn samklasanojn ol tion kapablas fari plenkreskuloj. Krome, ili lernas de la "peer mediator" aŭ "konflikto-piloto" (rekte tradukita el la germana: Konfliktlotse) novajn kompetecojn rilate al konflikta traktado.

**Celo: kreo de kuna agado estonte, ne pritraktado de la estinteco**



**Enkonduko de "Peer Mediaton Program"**

Aliaj, flankaj akompanantaj agadoj en la lernejo necesas, por stabiligi la enkondukon de ia tia programo.




*La pedagogia heksagono [laŭ Faller, 1998]*

Tiuj ses elementoj estas memstaraj, do ilin oni unuope prilaboru, sed samtempe ili reciproke influas unu la alian kaj la tutan sistemon lernejan.

Celo estas krei sistemon de konflikta prilaborado, kiu plej atentas la interesojn de ĉiuj koncernuloj kaj kiu baziĝas sur metodo de mediaciado. Krome la pozitiva traktado de konfliktoj speciale al gejunuloj kaj infanoj donas potencon, kiun eblas pedagogie uzi.

**Kial gelernantoj kiel mediaciistoj?**

La aliro de "Peer Mediation" ne nur traktas la efikon de la mediacia metodo, sed opinias, ke gelernantoj kiel perantoj havas pli da sukceso ĉe siaj samaĝanoj, ol ekz. plenkreskuloj. Kial do?

- Ĉu vi opinias, ke la gelernantoj pri ni (kompare al ili pli oldaj pedagogoj kaj instruistoj) pensas, ke ni havu la kompetentecon, iliajn specifajn junulajn problemojn pritrakti kaj vere kompreni? Ĉu la gelernantoj opinias, ke ni interesiĝas pri iliaj problemoj? Ĉu la viktimoj de niaj klopodoj ne pli bone estas komprenataj de samaĝuloj, kiuj konas samajn problemojn kaj tial pli facile povas kompreni la konfliktulojn?
- La gelernantoj devas timi, ke ni ne juste povas diferenci inter traktado de konflikto kaj instruado (kaj vere, malfacilas plenumi samtempe du rolojn!), ke ni poste en la instruado ilin maljuste traktas. Eĉ niaj asertoj je neŭtraleco vanas. Gelernantoj inter si en tiu rilato povas interagadi sentime.
- Gelernantoj kiel mediaciistoj povas krei la proceden „taŭga laŭ la aĝo". Kontraŭe al plenkreskuloj, kiuj devas klopodi ne tro multon postuli de la adeptoj, samaĝaj junuloj el propraj spertoj scias, kio estas konvena.
- En la rilato inter instruistoj kaj gelernantoj la unuaj sendube havas la pli fortan pozicion. Ankaŭ se ili klopodas demeti ĝin, ilia profesia rolo tion malebligas. Tiaspeca klara formala maljusteco ne ekzistas inter la gelernantoj. Ni povas esti certaj, ke gelernantoj, kiuj lernis tiun metodon, ne havas intereson, ekzemple per premo atingi potencon super la konfliktemuloj.

**Akompanantaj programoj por la socia procezo en klasoj kaj grupoj**

La atento de la socia procezo en klasoj kaj lerngrupoj estas la dua elemento de la pedagogia heksagono. Ne sufiĉas konstati obstaklojn kaj problemojn kaj reagi en unuopaj situacioj. Necesas sisteme kaj prevente prilabori la sociajn procezojn. Per metodoj, ekzercoj, trejnado, kiuj celas la kunan pritakson de socia procezo en la klaso aŭ grupo. Kiel formi klasan kolektivon? Kiel interagadi? Kion fari kaze de konfliktaj situacioj?

Tiuj demandoj prilaborendas kaj kun la geinstruistaro kaj kun la gelernantoj.

Multaj problemoj estas kaŭzitaj ne nur pro infanoj kaj gejunuloj; ilin povas same generi la „sistemo lernejo". Ni nur pensu pri la kunmetado de novaj klasoj post la baza lernejo, kiam trapasendas por la lernantoj la sojlo al la meza lernejo. Novaj edukaj stiloj, novaj studfakoj, novaj grupoj, novaj roloj en la klaso ... ĉio tio sterkas la grundon por postaj konfliktoj en la klasoj.

Ĉu jen ne indus pripensi, kiel regule kun la gejunuloj kaj infanoj trejni socialajn kompetencojn? Tio ja ŝanĝus la atmosferon en la klaso. Kaj fojfoje eble ekaperas ĉe la gelernantoj la imago, ke io povus esti alia. Konfliktaj, kverelaj kaj interparolaj kulturoj ne falas de sur la ĉielo, ĉion tion la koncernaj klasoj mem kreas. la tia programo helpu al sin nove formantaj klasoj trovi la propran manieron interrilati. Ĝi subtenu la kunkreskadon de la unuopaj klasanoj kreante kunlaboran, konstruivan interagadon. Kondiĉo por tio estas, ke kaj la gelernantoj kaj la geinstruistoj konsciiĝu pri la specifajoj en la propra klasa kosmo.

Rekomendendas por instruistoj antaŭa partopreno en seminario(j) pri konstruiva konflikto-prilaboro, por ke ili kapablu analizi la problemojn en la klasoj kaj krei la trejnadan programon por la sekva lernojaro.

Elementoj povus esti:

- interkonatiĝo;
- kunlaboro kaj komunikado;
- problemojn prilabori, peradi en konfliktoj, krei kunajn regulojn;
- ...

**Sociaj lerneeloj en la instruado: lerni kvereli**

Memoru la bazan tezon por konstruiva konflikta prilaboro: Konflikto estas pozitivaĵo, signo, ke io ne plu estas en ordo, ke io devas esti ŝanĝita. Konstruive trakti konfliktojn signifas pozitive plifortigi la konfliktulojn kaj tiamaniere helpi al ili sin mem ekkoni, do, per atento kaj postulo pedagogie labori.

Aktive aŭskulti, sen ataki la alian, pledi por la propraj interesoj sen damaĝi al aliulo, havi komprenemon por aliaj pozicioj kaj personoj estas bazaj sociaj kompetencoj, kiujn oni povas eklerni kaj kiuj lernendas.

Ili ne estas unuaĵoj en la eduka procedo, sed ili staras en la centro de aktuala lerneja debato. Komuniki, labori en teamoj, toleremo kaj kontaktemo nomiĝas la kapabloj, kiujn postulas hodiaŭ kaj estonte la profesia vivo.

Kiel bazaj formoj de lernado staru:

- projektorientita lernado;
- agadorientita lernado;
- lerni en grupoj: kunlabora kaj socia lernado.

**Trejnado de instruistoj**

Estas konate, ke dum konfliktoj ne nur la koncernuloj envolviĝas, sed same la spektantoj kaj perantoj. Tio speciale validas por pedagogoj. Problemoj kaj intervenoj en klasoj aŭ grupoj kaŭziĝas pro la plej diversaj kialoj. Ĉu tiuj malfacilaĵoj facile solviĝas aŭ ĉu ili restas eternaj ĝenaĵoj, dependas de la konduto de la instruisto. La "klason gvida kompetenteco" de la unuopa instruisto estas gravega faktoro por ŝanĝo de la konflikta kulturo en la lernejo kaj briko por krei sistemon de konstruiva konflikto-prilaboro.

Konfliktojn frue ekkoni, ilin por lerni uzi, la konfliktulojn envolvi en la solvprocezon, interkonsenti pri reguloj kun la klaso, kaj helpi ilin realigi, la socian procezon de la klaso konscie stiri, trejnadojn kaj instruadojn pri bazaj komunikaj kapabloj kaj socia kompetenco gvidi, en tiu tuta procezo bone kunlabori kun gekolegoj: ĉiujn tiujn kapablojn kaj teknikojn necesas lerni. Ĝis nun ili tro malofte rolas en la "instruista bredado".

Kiuj unuopaj perendaj scioj jen bezonendas dependas de la antaŭaj spertoj kaj konoj de la unuopaj pedagogoj, ĉu oni trejnas instruistojn nur de unu lernejo

aŭ el diversaj lernejoj, kiujn programojn ili volas instali en la lernejo, kiom da tempo oni havas ktp. Perataj enhavoj en tiaj trejnadoj povus esti:

- rolo kiel instruisto kaj kiel mediaciisto;
- analizo kaj pritaksado de situacioj;
- memperceptо;
- komunikadaj bazaj teknikoj,
- procedoj en grupoj;
- roloj kaj funkcioj en grupoj;
- kreado de teamo;
- analizi kaj prilabori konfliktojn;
- ...

Ne konvenas al mi jen doni kompletan superrigardon pri la prilaborenda kaj studenda temaro, mi nur volas atentigi, ke ne funkcias instali ion, kio estas komprenita nur per la kapo. Ke necesas por ĉiu mem ekkoni siajn limojn, timojn kaj dubojn pri la diversaj roloj kaj postuloj por poste peri scion en konfliktoj.

**Malfermi la lernejon**

Kreu pontojn por ke la vivo povu eniri la lernejon! Multaj konfliktoj havas sian devenon en la socia, loka, familia ĉirkaŭo. Sed ili montras siajn efikojn en lernejo kaj tie devas esti prilaboritaj. Ofte montriĝas, ke la instituсio, lernejo tiujn postulojn ne povas plenumi. Necesas tiam kunlabori kun aliaj institucioj kiel urba oficejo pri junularaj aferoj, psikologia servo por lernejoj, polico ...

Nu, bedaŭrinde en akrigitaj konfliktoj ne estas tempo longe "diplomate" diskuti pri sferoj de kompetenteco inter la unuopaj institucioj. Agendas rapide kaj tuj. Tial havas sencon en "pli trankvilaj tempoj" kontinue krei kunlaborajn strukturojn. Kaze de krizo klaras tiam, kies sferon koncernas la konflikto kaj de kiu (institucio) oni povas atendi rapidan helpon kaj subtenon.

Ne nur dum akutaj intervenoj konvenas tiu kunlaboro, sed ankaŭ por preventaj agadoj kadre kaj eksterkadre de la lernejo. Nomita jen estu nur la ilo de "ronda tablo" kie kunvenas institucioj, kiuj iel laboras kun gejunuloj kaj infanoj. Per tio eblas ekkoni aperontajn problemojn frue, interŝanĝi spertojn kaj oni povas survojigi kunajn, preventajn agadojn en la urbdistrikto, en la urbo, en la regiono.

**Preventado kaj lerneja programo**

Ligi la diversajn elementojn de konstruiva konfliktprilaboro al sistemo kaj ĝin firme ankri en la lerneja kulturo estas ĉefa tenoro de la sesa elemento de la heksagono por pacigita lernejo.

Longtempecon kaj kontinuecon en la konflikta kulturo oni atingas nur se tiuj elementoj estos realigitaj en la lerneja organizado. Kompreneble ne sufiĉas havi nur la bonan ideon fari tian projekton. Por kontinueco kaj daŭreco gravas envolvi

ĉiujn kolegojn, personojn kaj grupojn de la lernejo. Tiuj procezoj postulas tempon kaj ne malofte estas penaj.

Kelkaj bariloj aperas, kiuj naskiĝas el la lerneja konstelacio de diversaj roloj de unuopaj iniciantoj de tiaj programoj. Povas malhelpi malnovaj konfliktoj en la kolegaro, ne klara disdivido de kompetentecoj, necertaj opinioj de la lerneja estraro ktp. ...

Kontinueco signifas, daŭre flegi la projekton, ĝin plifirmigi per pluaj flankaj agadoj. Jen povus stari ekzemple regulaj kursoj (dum pluraj jaroj) por instruistoj por trejni socialan lernadon; eduko de lernantoj por esti mediaciisto, dum la sekvaj jaroj regule novajn eduki; iniciati projektojn kiuj pritraktas interkulturan lernadon (ekz. kun interŝanĝoj dum la sekvaj jaroj); enkonduko de grupigaj semajnfinoj por nove kunmetitaj grupoj ...

Prilaborado de konfliktoj estas tasko, kiu postulas de la lernejoj pli kaj pli da atento. Temas pri la evoluo de nova konflikta kulturo – ankaŭ inter la instruistaro. Tial havas sencon, konsideri ankaŭ pri tiu fakto kaj tiun daŭre prilabori. Kiaforme kaj kiomgrade tio okazas, dependas de la unika situacio de la lernejo.

Sufiĉas la seka teorio! La skribota kontribuo por la sekva IPR traktos unu el la konceptoj por eduki konfliktajn perantojn. Por doni al vi jam antaŭe la guston, mi invitas vin elprovi jam nun la proponitajn ekzercojn. Ek, ni praktiku!

**Grupo estas grupo, se ĝi kiel grupo kunlaboras**

Tiu ĉi ekzerco taŭgas por montri kiom malfacilas kunlabori, se oni ne atentas la aliajn. Ĝi same povas taŭgi kiel varmigilo (en la komenco de seminario, instruhoro) aŭ kiel vekilo:

- partoprenantoj: almenaŭ du;
- aĝo: ekde dek jaroj;
- tempo: 5 – 20 minutoj.

Kreu unue parojn. Tiuj sidu dorson ĉe dorso sur planko. Ili interkrucigu la brakojn kaj provu kune levi sin. Post iom da klopodoj tio verŝajne funkcias. Post la unua sukceso la grupo pligrandiĝas al tri personoj. Sama tasko, sama proceduro. Ĉiam aldonu kroman personon. Ĉu sukcesos, ke la tuta grupo kune ekstaru?

- Kiom bone la korpajn signalojn kaj movojn de la aliaj vi kaptis kaj uzis por via planita movigo?
- Ĉu malfacilis por vi esti en harmonio kun aliaj kaj integri novajn personojn?
- Pro kio vi finfine sukcesis solvi la taskon?
- Kio helpis?
- Kion vi devis fari por ne malhelpi al aliaj?
- Kion vi povis akcepti, kion faris aliaj kun vi?
- Kiom da forto vi devis uzi?
- Kiel vi pritaksas vian grupan kunagadon?

*Kroma ekzerco, kiu trejnas la sentemon por aliaj personoj, estas jena:*

– partoprenantoj: almenaŭ du
– aĝo: ekde ok jaroj
– tempo: 10 – 15 minutoj

La partoprenantoj staru pare (laŭeble la paroj estu samaltaj), vid-al-vide je distanco de braka longeco. La gamboj estu iom disigitaj. Ambaŭ levu la manojn je alteco de ŝultroj kaj metu la manplatojn kontraŭ la manplatoj de la partnero (dekstran manon kontraŭ la maldekstra de la partnero kaj inverse). Eku atenta ludo, kies evidenta celo estas, la partneron elekvilibrigi per puŝado, ŝovado, cedado, rezistado, ... Dume spertiĝas multaj diversaj perceptoj de la korpaj movoj. Se la partnero perdas la ekvilibron, ŝanĝas la staron de la gamboj aŭ se aliaj korpaj partoj krom la manoj puŝiĝas/tuŝiĝas, intervenu la ludon. Reiru al la baza pozicio kaj rekomencu!

Ofte komence oni uzas premon kaj forton. Tial post la unua provo konsilendas, ke ili kun malpli da forto kaj pli da sentemo por si mem kaj por la partnero denove provu.

- Kiel vi spertis la propran korpon?
- Kiel vi sentis la korpon de la partnero?
- Kion vi elprovis krom perfortaj agoj kaj kiujn efikojn vi rikoltis?
- Kiujn efikojn vi spertis dum la kunagado?
-

***Literaturo***


Cohen, Richard: Students Resolving Conflict. Peer Mediation in Schools. Glenview, Good Year Books, 1995

Faller, F./Kerntke, W./Wackermann, M.: Konflikte selber lösen. Mediation für Schule und Jugendarbeit. Mühlheim/Ruhr, Verlag an der Ruhr, 1996

Faller, K.: Mediation in der pädagigischen Arbeit. Ein Handbuch für Kindergarten, Schule und Jugendarbeit. Mühlheim/Ruhr, Verlag an der Ruhr, 1998

Hagedorn, O.: Konfliktlotsen. Lehrer und Schüler lernen die Vermittlung im Konflikt. Stuttgart, Klett, 1995

Walker, J.: Gewaltfreier Umgang mit Konflikten in der Grundschule. Frankfurt/M., Cornelsen Scriptor, 1995

Walker, J.: Gewaltfreier Umgang mit Konflikten in der Sekundarstufe I. Frankfurt/M., Cornelsen Scriptor, 1995




Ton Verwoerd

# Lernu ludante (2)

En la antaŭa artikolo (IPR 00/1) mi klarigis la publikan domenludon, la LEKO-skatolon, la diktafonon kaj miajn pupetojn, per kiuj mi ŝatas instrui E-on al infanoj. Dum mia aktiva periodo kiel instruisto en baza lernejo mi ofte sentis enuon kaj naŭzon kontraŭ la kutimaj instru-paperaĵoj. Nur post mia pensiiĝo mi eksperimentis per aliaj helpiloj, kiujn mi publike kaj plezurplene prezentas al vi. Jen pliaj modeloj.

**5. Simplaj Objektoj**

Oni ne bezonas valizon plenplenan de libroj, skribopapero kaj plumoj, por efike instrui E-on. Simpla cigareda papereto sufiĉas. En Nederlando fumantoj lerte permane rulfaras cigaredon el cigaredaj tabako kaj papero. Tia papero estas malgranda kaj maldika, pezas preskaŭ nenion. Ĝi taŭgas por instrui pli ol dudek transitivajn E-verbojn. Oni nur disdonu al ĉiu lernanto unu papereton por manipuli ĝin laŭ peto de la instruisto: *tuŝu, ŝovu, prenu, turnu, metu ĝin; kaŝu, trovu, levu, blovu, portu ĝin; montru, faldu, svingu, kisu, leku ĝin; frapu, kovru, mezuru, prezentu, tenu ĝin; ŝiru, tranĉu, tondu, ĉifu, manĝu ĝin!*

Por 5 NLG mi aĉetis belan ruĝan poŝtukon en la butiko por konversacie instrui Esperanton: *Ĉu la tuko estas blua, seka, bonodora, nova, granda, ronda, pura, lana, dika, bela?*
*Montru kiel ĝi servas por viŝi la larmojn, ornami la kolon, bandaĝi vundon, purigi la nazon, kunligi bastonojn, kovri la kapon, ĵeti ŝtonon, porti objektojn, ludi blindulon / piraton / pupon!*

Jen aliaj manipuleblaj objektoj: jetkubo, pilko, ŝnuro, gazeto aŭ skatolo da alumetoj.

**6. La Paroliga Skatolo**

Dufoje ĉiujare Esperanto-Nederland organizas E-studsemajnfinon. En la kurso ege gravas paroligi la kursanojn Esperante, ĉar inter samlingvanoj oni facile krokodilas. Por tiu celo la gvidanto prezentas aktualan revu-artikolon, aŭ unu el la kursanoj proponas interesan temon.
Kutime mi kunportas mian paroligan skatolon. Ĝi havas formaton de video-kasedo, kaj en ĝi troviĝas la plej diversaj objektoj: turbo, lenso, peniko, sapo, tintilo, kandelo, korko, najlo, ĵetkubo, pinĉilo, horloĝo, muskaptilo, figuro de Asterikso, modelo de origamo, poŝtmarko, laĉo, bebo-pupeto k.a.
En la studrondo mi malfermas la skatolon kaj ekspozicias la objektojn sur la tablo. Mi proponas elekti unu kaj laŭvice respondi du demandojn:
*Kion vi elektis* (Esperantlingve); *Kial vi elektis ĝuste tiun objekton?*

Montriĝas, ke oni plejofte elektas objekton gravan por si mem, pri kiu oni tiel volonte, emocie kaj longdaŭre pretas paroli, ke ne facilas haltigi la vortfluon!

**7. Kartludo**

El inter la kartludoj, kiuj cirkulas tra la mondo, pleje plaĉas al mi „La Vero aŭ la Vergo". La ludo konsistas el 24 „Vero"-kartoj kaj 40 „Vergo"-kartoj + ekspliko.
La Vero-kartoj aludas kaj elvokas, per demandoj, informojn pri la kunludantoj:

– *Kiuj el la ludantaro iam veturis per helikoptero?*
– *Kiom da ludantoj scipovas naĝi?*
– *Kiom da ludantoj kunportis kombilon aŭ broson?*

Se oni ĝuste respondis, oni donas al la dekstra najbaro Vergo-karton, kiu enhavas specialan taskon por tiu:

– *Saltetu al la apuda ĉambro unukrure!*
– *Nomu ses Aziajn landojn!*
– *Balancu libron sur via kapo!*

Dum la ludo oni diskutas pri la Vero (aŭ Malvero) de la respondoj aŭ ĝuas la demonstracion de la najbaro, kiu plenumas sian taskon (kisi siajn piedfingrojn, deklami rimaĵon, mimi sporton, fajfi melodion, diri la alfabeton inverse aŭ eligi teruran krion.)
Se vi konas la ludon, vi konas samtempe la karakteron de la aŭtorino: Jenny Goddard el Britio.

**8. Kantoj**

La kantkasedo „Kantu Esperante", kiun en 1988 senpage dissendis la usona asocio „Infanoj Ĉirkaŭ La Mondo", jam montris la vojon al varia prezentado. En la kanto „Skuu, rulu, streĉu" la kantistoj montris kaj movis la membrojn; en la kanto „Kiu li estas" la infanĥoro alivestis sin; en la kanto „Saluton, amiko" oni dialogis kaj teatrumis.
En la kantaro „Vivu la kanto", kiun mi eldonis kun la profesia muzikisto Bram Hijmans, mi ne nur publikigis nekonatajn didaktikajn kantojn (ekz. de Irena Lowińska el Pollando), sed ankaŭ aldonis sugestojn por vigligi la prezentadon de kantoj: atributojn, pantomimon, frapadon per manoj aŭ piedoj.
Oni pristudu la strukturon de la kanto por trovi interesan eblecon: alternan kantadon de strofoj; enŝovon de dialogo, danco aŭ teatraĵo; ornamon per ĉapelo aŭ ŝminko; komunan kantadon kun la publiko. Tiel oni promocias la kanton al ludo.

**9. La Alfabet-horloĝo**

Iam, tute senkonsila, ĉar mia instru-programo estis elĉerpita, mi spertis, ke post bona dormo venas bona konsilo.

Mi esploris mian sakon kaj trovis ĵetkubon. Mi kalkulis la flankojn kaj rigardis al mia horloĝo: jen dekoble ses minutoj! Mi desegnis cirklon kaj dividis ĝin en ses sektorojn: ĉiu sesono por unu flanko de la ĵetkubo. Ankaŭ la Esperanto-alfabeton mi dividis en ses partojn kaj skribis la literojn sur la horloĝan randon: en ĉiu sektoro kvar aŭ kvin literoj. Jen la sistemo:

- *ĵetu la kubon kaj elektu vian horloĝan sektoron kun la literoj;*
- *konstruu frazon, en kiu malsamaj parol-elementoj komenciĝas per unu el viaj elektitaj literoj;*
- *por ĉiu nova parol-elemento vi gajnas tri poentojn (verbo / artikolo / / substantivo / adjektivo / adverbo / pronomo / numeralo / prepozicio / konjukcio / interjekcio), do vi gajnas maksimume 30 poentojn;*
- *substrahu ortografiajn kaj gramatikajn erarojn;*
- *kiu kolektas kiel eble plej multajn poentojn?*

Ekzemple mi elektis la literojn A-B-C-Ĉ-D, kaj mi konstruis la jenan frazon: *Ĉiun jaron Iza aŭ Roza alterne akompanas min al amika domo, por instrui Esperanton duope.*

**10. Hajko-arto: diskut-arto**

Verki hajkojn estas mia hobio. Jen unu ekzemplo laŭ la mondfama germana hajko *(Der Rettichzieher / den Weg mit einem Rettich / zu zeigen pflegte): La instruisto / kutimas per la kreto / montri la vojon.*

Tiun poemon mi gluas sur grandan kartonon, kaj mi aldonas interesajn bildojn, kiuj aludas aŭ rilatas kun la poemo: foto pri instruisto kaj lernanto, bildo pri klasĉambro, la Biblio, mapo, vojkruciĝo, kariergrafiko, eltondaĵoj el gazetoj k.s. Per tiu artaĵo mi kunvokas homojn kaj provokas al diskuto, demandante: *„Ĉu tio estas arto? Ĉu vi komprenas la poemon? Ĉu tiuj bildoj rilatas unu kun la alia? Kio estas via opinio, via komento?"*

Bedaŭrinde ĉi-jare ni ne instruas E-on al infanoj, ĉar mankas al ni taŭga instruloko. Tial mi nun havas la tempon raporti pri miaj spertoj. Ĉu tio plaĉas al vi?

***

**Maŭro La Torre**

# Kion ni bezonas por kio?

Dum la venontaj monatoj en Esperantujo oni diskutos pri la nova Strategia Plano de UEA, fin-aprobota dum la venontjara Universala Kongreso en Zagrebo.

Tiu plano volas daŭrigi multajn celojn kaj realigojn de la ĝisnuna Kampanjo 2000, tamen repripensante ilin en pli bone strukturita sistemo.

La mez-perspektiva plano analizas la agadon por esperanto laŭ 3 tavoloj: *komprenigo, paroligo, utiligo* de la Internacia Lingvo. La plano ankaŭ identigas 3 strategiajn prioritatojn: *profesiiĝo, plijuniĝo, tutmondiĝo.*

| *kolonoj* *tavoloj* | profesiiĝo | juniĝo | tutmondiĝo |
|---|---|---|---|
| komprenigi Esperanton | | | |
| paroligi Esperanton | | | |
| utiligi Esperanton | | | |

Evidente ni, kiel instruista asocio, estas grave koncernataj de tiaj tavoloj kaj prioritatoj!

Ekzemple, por bone *"komprenigi"* – en la instrueja medio – kio estas Esperanto kaj kia ĝia eduka valoro, ni devas almenaŭ plani nian informan agadon, elektante plej taŭgajn informkanalojn kaj konvenajn enhavojn. Simile por *"paroligi"* Esperanton, ni devas disponigi allogajn kaj efikajn lernilojn, kaj aranĝi oportunajn lern-okazojn. Se temas pri instruista *"utiligo"* de Esperanto, ni devas helpi la uzadon de la lingvo por interkultura edukado kaj por faka scienca kunlaborado, k.t.p.

Krome en tiuj samaj tavoloj ni devus prioritati la aspektojn de profesieco, tutmondeco kaj juneco.

Kompreneble ni ne povas nun elĉerpi la analizon de niaj celoj, prioritatoj, kaj bezonoj. Tio bezonas iom da tempo kaj ĝi estos la unua tasko, kiu okupos nin dum la venontaj monatoj je ĉiuj asociaj niveloj: en la estraro de ILEI, en ĝiaj komisionoj, en la landaj sekcioj kaj en la komitato.

Sed simpla diskutado pri laborplano kaj ĝeneralaj celoj povas resti abstrakta ekzerco de niaj mensaj kapabloj, se ĝi ne tradukiĝas en konkretaj kaj realismaj decidoj kaj plenumaj agoj.

Samtempe ni devas fortikigi niajn organojn, komencante ĉe nia internacia estraro kaj daŭrigante ĉe la lokaj estraroj kiuj regas la landajn aŭ regionajn sekciojn.

Tamen elekti estraranojn ne signifas nur trovi ajnajn bonvolemulojn, ial pretaj kunlabori en la tiradon de la ĉaro. Se ni volas agi celkonscie kaj provizante nin per la necesaj rimedoj, ni devas klare esprimi niajn plej urĝajn bezonojn, ni devas publike difini niajn taskarojn kaj konsekvence serĉi homojn kiuj kapablas kaj povas surpreni almenaŭ parton de la plej urĝaj taskoj.

Kiel vi legas en la dua kovrilpaĝo de IPR, nun ILEI disponas je nur 5 estraranojn: M. La Torre (prezidanto), S. MacGill (vicprezidanto), M. Evlogieva (sekretario), J. Bishop (vicsekretario), kaj B. Kim Lindblom (kasisto). La plenumindaj estraraj taskoj (kiuj post la difino kaj precizigo de nia *Strategia*

*Plano* certe kreskos) jam abunde superas la fortojn de tiu kvinopo, kiu konsistas – ni ne forgesu tion – el volontuloj, jam ŝarĝitaj per siaj profesiaj okupoj.

Do ni nepre bezonas tuj ekpensi pri la kompletigo de la internacia estraro, kiu laŭstatute povas konsisti el 7 homoj. Alivorte ni povas tuj malfermi kampanjon por kolekti kandidatigojn por 2 estraraj lokoj. "*Bone, sed por kiuj taskoj?*" vi demandos. Pri tio la jamaj estroj kaj kunlaborantoj jam plurfoje plurforme diskutis, alvenante al la konkludo ke la taskaroj, por kiuj ni prioritate bezonas respondeculojn estas: lerneja kaj universitata agado, trejnado instruistoj, eksteraj rilatoj, kaj instruscienca esplorado.

Tial ni serĉas kandidatojn por kompletigi la estraron en tiuj sektoroj. Kompreneble por ĉiu taskaro oni povos poste ankaŭ starigi apartan laborgrupon (aŭ komisionon), kiu kunlaboru kun la koncerna estrarano; sed por ĉiu taskaro ni bezonas *respondecan* estraranon aŭ komisiiton.

## ALVOKO POR KANDIDATIGOJ

1) ILEI serĉas **kandidatojn** por la elekto de novaj (aldonaj) **estraranoj**, kiuj estas pretaj okupiĝi (kaj respondeci) pri unu (aŭ pluraj) el la jenaj laborkampoj:

- ***lerneja agado;***
- ***universitata agado;***
- ***trejnado de Esperanto-instruistoj;***
- ***instruscienca esplorado;***
- ***flegado de eksteraj rilatoj.***

La sekcioj, la komitatanoj kaj eĉ unuopaj membroj bonvolu sendi **kandidatigojn antaŭ la 20-a de oktobro 2000** al la sekretario, Mariana Evlogieva.
Krom la nomo de la kandidato bonvolu kunsendi etan **vivprotokolon** (biografieton), kie evidentiĝu la rilatoj de la proponata homo kun la supre menciitaj sektoroj.

2) La **balotado** por elekti la du novajn estraranojn okazos dum venontaj **oktobro kaj novembro**, post la diskonigo de kolektitaj kandidatecoj.

**ATENTU!**

Homoj, kiuj interesiĝus eventuale kunlabori *en* la estraro (aŭ *kun* la estraro!) en la diritaj kampoj, kaj kiuj kompreneble deziras pli detalajn klarigojn pri la koncernaj farendaĵoj, bonvolu korespondi pri tio kun la prezidanto aŭ vicprezidanto, ankaŭ per la diskutejo *ILEI-kad*, plej baldaŭ reaktivigota.

Koncerne nian rolon en la aprobota *Strategia Laborplano* de UEA, tre bonvenos leteraj kaj artikolaj kontribuoj por la venontaj numeroj de IPR, krom en niaj internaciaj retaj diskutejoj, en la landaj bultenoj, kaj en ĉiaj renkontiĝoj.

**Detlev Blanke**

# Esperanto en germanaj universitatoj

*(Okaze de kelkaj lastatempaj spertoj el Humboldt-Universitato, Berlin)*

Pro tio, ĉar ekzemple en Hungario la spertoj pri la universitata instruado de interlingvistiko kaj Esperanto estas verŝajne la plej riĉaj, legantoj informitaj pri la hungaraj spertoj eble ne trovos ion novan en la artikolo. Sub la impreso de aparte sukcesa prelegaro en Berlin, mi tamen klopodas skizi kelkajn principajn problemojn laŭ germanaj spertoj kaj poste venos al la vintra semestro 1999/2000 en Humboldt-Universitato.

## 1. Tipoj de universitataj aranĝoj

Bedaŭrinde nur malofte en la kadro de germanaj universitatoj aŭ aliaj altlernejoj oni trovas aranĝojn pri Esperanto-rilataj temoj. Parolante pri universitatoj mi subkomprenas ankaŭ alitipajn altlernejojn, kie oni povas akiri universitatnivelajn diplomojn (Faka Universitato, Faka Altlernejo, Teknika Universitato ktp.)

En germanaj universitatoj oni ĉefe povas distingi jenajn aranĝojn lige al interlingvistiko kaj Esperanto (1):

a) lingvokursojn pri Esperanto
b) sciencajn seminariojn pri interlingvistiko kaj esperantologio
c) sciencajn prelegojn pri interlingvistiko kaj esperantologio.

Krome:

ĉ) Fojfoje studentoj rajtas prelegi en la kadro de lingvistikaj kursoj, aŭ interlingvisto estas invitita kaj donas gastprelegon en la kadro de lingvistika kurso (siatempe sufiĉe ofte en GDR).

Malsame al Hungario (Budapeŝto, Szombathely) kaj Nederlando (Amsterdamo) en Germanio ne ekzistas establitaj fakoj "Esperanto" aŭ "interlingvistiko" en iuj universitataj strukturoj.
La komparoj de universitataj situacioj kaj rezultoj krome malfacilas, ĉar tre malsamas la universitataj strukturoj, fako-disdividoj, akademiaj titoloj kaj postenoj.
Aparta memstara instituto pri interlingvistiko/ esperantologio, kie plenbuĝete kaj plentempe laboras katedra profesoro, havas asistantojn, prelegas kaj esploras ktp., kiel kutime ĉe establitaj fakoj, ĝis nun nenie ekzistas en la mondo.
La universitataj aranĝoj plej ofte okazas dum du semajnhoroj (do dufoje 45 minutoj). Se ili regule okazos laŭ la tuta semestro, oni havos 13 – 16 semajnojn, depende de la longeco de la semestroj kaj eventualaj festotagoj kaj aliaj "tempo-

perdoj". Mi havas la impreson, ke la vintro-semestraj prelegoj estas pli forte frekventataj ol la somero-semestraj. Malfacilas prijuĝi, kiu aranĝo-tipo estas la plej konvena. Dependas de la vidpunktoj kaj celoj.

En la lingvo-kursoj oni konatiĝas pli profunde kun Esperanto, sed apenaŭ ion aŭdos pri sciencaj aspektoj.
En la seminarioj kaj prelegoj temas ĉefe pri sciencaj aspektoj, kio ne ekskludas etan enkondukon en la strukturon de Esperanto, almenaŭ tiom, ke la studentoj povus ekhavi intereson okupiĝi pli profunde pri la lingvo aŭ ne. Oni tamen ne instruas la lingvon. Kadre de la seminarioj eblas pli forte aktivigi la studentojn, kiuj eble prelegetos, diskutos aŭ ellaboros hejmstudajetojn. La prelegoj ebligas pli sisteman kaj pli riĉan materialprezenton, sed la studentoj ĝenerale estas relative pasivaj aŭskultantoj. Prelegojn kaj seminariojn oni kvitancas en la studentaj libretoj kaj/aŭ disdonas atestilojn kun diversaj valoroj k.s.

Lingvokursoj (a) kelkfoje okazas. Ilin aranĝas membroj de universitatoj, foje ankaŭ studentoj kun la subteno/permeso de iu profesoro. Kvankam mi klopodas sekvi la universitatan pejzaĝon en Germanio [rilate al a) – c)] laŭ mia superrigardo jare (aŭ dum unu semestro) okazas ne pli ol 2-3 kursoj, foje eble neniuj. Tio estas bedaŭrinda, des pli, ĉar ja ekzistas kelkaj tre spertaj esperantistoj, kiuj studas filologiojn aŭ/kaj fremdajn lingvojn, havas kaj foje eĉ konservas iujn ligojn al universitatoj.
Sciencaj seminarioj (b) fojfoje okazis en la universitatoj de Frankfurt/Main (d-rino Alicja Sakaguchi), Leipzig (d-rino Sabine Fiedler) kaj Paderborn (tie enkadrigita en pedagogiajn-kibernetikajn programojn: d-rino Vera Barandovská-Frank).
Sciencaj prelegaroj (c) okazadas pli malpli regule en la universitatoj de Hamburg (d-ro Werner Bormann), Rostock (d-rino habil. Cornelia Mannewitz) kaj Berlin (Humboldt-Universitato: Dr. sc. Detlev Blanke). Sciencajn prelegojn rajtas prezenti nur habilitiĝintaj sciencistoj (2) aŭ nomumitaj "instru-komisiitoj".
Post la habilitiĝoj de d-rinoj Sabine Fiedler (Leipzig) kaj Alicja Sakaguchi (Poznan/Pollando) ankaŭ ili rajtos prelegi (tion jam faris d-rino habil. Sabine Fiedler dum la vintra semestro 1999/2000 en Leipzig).
Foje eblas ligi al sciencaj prelegoj iujn aldonajn kursojn, ekzemple, semajnfinajn intensivajn kursojn en aŭ ekster la ejoj de la universitato.

## 2. Celoj kaj eblecoj de la universitataj aranĝoj

La ĉefa celo de la universitataj aranĝoj, almenaŭ laŭ la germanaj spertoj, ne estas la bakado de novaj esperantistoj per altruda varbado. Se oni provus fari tion, la rezulto ne nur estus negativa ĉe la studentoj mem, sed la prestiĝo de la aranĝoj

en la kadro de la universitatoj falus kaj ekestus la "ŝanco", ke la universitato ne plu permesus tiajn aranĝojn. La ĉefa valoro estas, ke studentoj kontaktiĝas kun problemaro, antaŭe ofte komplete aŭ grandparte nekonata por ili. Ili krome konatiĝas kun ĝeneralaj lingvistikaj problemoj el iom nekutima vido-direkto, tra la prismo de interlingvistikaj ideoj. Eble nur malmultaj studentoj vere interesiĝos pri Esperanto. Ne gravas. Ili aŭdos ion seriozan (espereble !) pri problemaro, ofte prezentita eĉ inter lingvistoj ne nepre serioze. Ĉar multaj studentoj estos la intelektaj aktivuloj de la estonteco, ilia baza scio pri la interlingvistika problemaro ĝenerale, kaj pri Esperanto aparte, povas havi pozitivajn sekvojn (ekz. En eldonejoj, redakcioj de gazetoj, eĉ en la universitatoj mem ktp.). Mi tion jam spertis sufiĉe ofte.
Do, oni ne juĝu la universitatajn aktivecojn ethorizonte laŭ la kvanto de novaj adeptoj por Esperanto.
Nur malofte studentoj aŭ diplomitoj uzas la eblecojn verki disertaĵojn pri rilataj temoj kaj akiri akademiajn titolojn. Ankaŭ en Germanio principe eblas verki diplomiĝajn, magistriĝajn, doktoriĝajn kaj eĉ habilitiĝajn disertaciojn pri interlingvistikaj aŭ/kaj esperantologiaj temoj. Tio kompreneble tre dependas de la kandidato mem, de la scienca medio kaj de tio, ĉu oni trovos aprobon ĉe kelkaj profesoroj en difinitaj universitatoj.

## 3. Lastatempa germana rikolto

Seminarioj aŭ prelegoj dum la vintra semestro 1999/2000 laŭ mia superrigardo okazis en jenaj universitatoj :

a) Berlin (Humboldt-Universitato, prelegaro: Detlev Blanke)
b) Hamburg (prelegaro: Werner Bormann [3]),
c) Leipzig (prelegaro: Sabine Fiedler [4]),
ĉ) Paderborn (seminarioj: Vera Barandovská-Frank [5]).

Tio ne estas granda rikolto. Pri lingvo-kursoj ŝajne nenio okazis. Almenaŭ mi nenion eksciis ĉi-rilate. Laŭ miaj ĝisnunaj spertoj la kvanto de la studentoj tre varias. Foje estas 40, foje 20, sed plej ofte inter 10 – 15. Ŝajne similajn spertojn havas ankaŭ la aliaj koleg(in)oj. Sed mi jam prelegis eĉ antaŭ nur du (tre talentaj kaj interesitaj) studentoj. Multas inter la studentoj eksterlandanoj, foje el ĉiuj kontinentoj.

## 4. En Humboldt-Universitato: Surprizo dum la vintra semestro 1999/2000

### 4.1 La studentoj

Mia lasta prelegaro en Humboldt-Universitato de Berlin estis aparte sukcesa. Dum la semestro mi havis 16 semajnhorojn (po 90 minutoj). Dum la unuaj prelegoj (1 – 4.) venis inter 75 kaj 60 studentoj. Mi estis tute konfuzita pro la

grandega neniam antaŭe spertita intereso kaj demandis, ĉu ili eventuale eraris en la prelegejo. Ne, ili volis ion scii pri Esperanto... Kompreneble la kvanto reduktiĝis iom post iom kaj la kurso stabiliĝis tiel, ke ĝis la fino mi havis ĉ. 35-40 diversajn studentojn. Sed entute per la unuopaj prelegoj mi supozeble atingis pli ol 100 studentojn, almenaŭ peris por ili bazajn sciojn.
Konscia, ke ne ĉiuj restos ĝis la 16-a semajno, per la unuaj 3 prelegoj mi donis tri malsamkarakterajn enkondukojn en la kadran temon, tiel, ke ĉiuj, kiuj venis nur al tiuj prelegoj, havu sufiĉe da informoj pri interlingvistiko ĝenerale kaj pri Esperanto aparte.

**4.2 Kial la intereso?**

Mi ne komplete sukcesis ekscii la kialojn de la subita intereso. Laŭ miaj singardaj enketoj la intereso vekiĝis i.a. pro
a) informoj en la gazetaro (lige al la 84-a UK en Berlin),
b) la vorto Esperanto ligita al la muzikgrupo "Amikeco", kiu sufiĉe furoris en Germanio, i.a eldonis kompaktdiskon kun la nomo "Esperanto"
c) la pli forta interesiĝo pri la lingva demando ene de Eŭropa Unio, relative forte stimulita per la diskutoj lige al la sinteno de la finna prezidento pri la allaso (ne/allaso) de la germana lingvo en la EU-rilataj aranĝoj en Finnlando (la gazetaro raportis kaj lige al tio ja menciis fojfoje Esperanton).
ĉ) Ankaŭ gravis, ke la "Instituto pri germana lingvo kaj lingvistiko" de Humboldt-Universitato (kie multaj eksterlandaj studentoj studas krom iujn aliajn lingvojn ankaŭ la germanan, krome ĝeneralan kaj germanan lingvistikon) donis bonan statuson al la certe iom ekzotika prelego (ĝi estis libere elektebla elemento de baza instruado pri lingvistiko). La aparta libreto kun la studo-ofertoj de la instituto enhavis trionpaĝan prezenton de mia prelegaro. Krome la prelegaro estis indikita en la kompleta prelego-libro de la universitato (dufoje, ĉar ankaŭ sub "Studium generale").
Studentoj foje venis ankaŭ el aliaj universitatoj de Berlin (Libera Universitato, Teknika Universitato). Ĉi-foje partoprenis eĉ rusa germanisto, kiu havis laborstipendion de Deutscher Bundestag. Iuj venis laŭ EU-programoj (ekz. Sokrates).
Inter la studentoj troviĝis iuj el almenaŭ la jenaj landoj: Aŭstrio, Ĉeĥio, Ĉinio, Francio, Georgio, Islando, Kanado, Kroatio, Pollando, Rumanio, Rusio kaj, kompreneble, Germanio. Ĉar mi nur hazarde eksciis pri la landoj kaj ne sisteme enketis (sekvan fojon mi faros) la listo certe ne estas kompleta.
Kelkaj studentoj uzis la oferton de la diplomita matematikisto Ferdinand Louis von Wunsch-Rolshofen kaj partoprenis semajnfinan intensivan kurson; bedaŭrinde ne venis ĉiuj el la unue anonciĝintaj 25 studentoj.
Mi rimarkis kun kontento, ke ĉiuj studentoj estis tre interesitaj, min foje interrompis per demandoj (tion mi ĉiam permesas), venis post la prelego kun demandoj kaj materialpetoj. La ĉinino tralaboris du jus aperintajn ĉinlingvajn librojn (traduko de "Historio de la Mondolingvo" de Drezen kaj libro pri la

historio de la ĉina Esperanto-movado). Ĉiuj studentoj ricevis diversajn materialojn, (i.a. bibliografion, skemojn, tekstojn ktp.). La turka studento interesiĝis pri Solresol, ĉar li volas fariĝi filmreĝisoro kaj eluzi la ideon de la muzika lingvo. Aŭstra studento bezonis kvalifikan noton kaj pro tio verkis tre bonan eseon pri la motivo de la persekutoj de Esperanto sub la naziismo.
Ĉar mi kutimas prelegi preskaŭ sen manuskripto mi prezentas abundon da aparte preparitaj folioj (por projekciilo), kiuj sumiĝis por la tuta prelegaro je ĉ. 700 folioj.

**4.3 Pri la enhavo de la prelegaro**

La kadra temo de la prelegaro estis "Esperanto: Kiel el projekto fariĝis vivanta lingvo".

Jen la temoj de la unuopaj semajnaj prelegoj:

1. Unua renkontiĝo: malfermo de la prelegaro, prezento de la ĉefa enhavo
2. Enkonduko en la prelegaron (resuma anticipo de 2. - 15.)
3. Pri la fenomeno "planlingvo": Aspektoj de lingvoplanado kaj lingvopolitiko
4. Survoje al universala lingvo: Projektoj kaj tipologio
5. De projekto al lingvo: Etapoj de enkondukiĝo de planlingva projekto en la praktikon
6. Pri planlingva praktiko: Prezento de vidbenda kaj sonbenda materialoj
7. Ekesto de Esperanto: Motivoj kaj strukturprincipoj
8. Lingvistika karakterizo de Esperanto I. (morfemaro, morfologio, gramatiko)
9. Lingvistika karakterizo de Esperanto II. (vortfarado, karakterizo de la leksiko, evoluo-problemoj)
10. Simpla teksto: Traduko kaj lingvistika komento
11. Esperanto en la internacia praktiko: Superrigardo pri komunikaj sferoj
12. Esperanto kiel faklingvo
13. Esperanto kiel lingvo de literaturo
14. La lingvo-komunumo de Esperanto: Historio
15. La lingvo-komunumo de Esperanto: Aktuala strukturo kaj evoluproblemoj
16. Teoriaj kaj sciencorganizaj problemoj: Pri Esperantologio

Kvankam en la pasinteco mi prezentis prelegojn dum entute almenaŭ 20 semestroj, la menciita prelegaro verŝajne estis mia ĝis nun plej sukcesa kaj stimula. Mi forte esperas, ke estonte pli da kolegoj uzos siajn eblecojn kaj ofertos diverstipajn aranĝojn en la universitata medio, ĉar tie troviĝas perspektivo-havaj ŝancoj, verŝajne ne sufiĉe aprezataj. Mi pretas pri spertinterŝanĝo.

Notoj:

(1) Pri la temo kp. ankaŭ la ĉapitron "Akademia instituciiĝo" en mia eseo "Esperanto kaj lingvistiko - sciencpolitikaj aspektoj", en: Esperanto-Dokumente 2, Osnabrück: Deutsches Esperanto-Institut, 1995, p. 11 - 12.

(2) Post la habilitiĝo (1985, Dr. sc. = Dr. habil.) en la jaro 1988 en GDR mi estis nomumita "Honoraria docento pri interlingvistiko" kaj ricevis la universitatan instrurajton

"Facultas docendi" (resp. nun: "Venia legendi"). Laŭ la kontrakto pri la germana unuiĝo akiritaj titoloj estas transpreneblaj. Post la unuiĝo la universitato konfirmis kaj akceptis mian GDR-tipan habilitiĝon (1995). Do, mi daŭre rajtas prelegi en Humboldt-Universitato kaj tion faras ekde 1988, kun kelkaj interrompoj. Cetere, mi sporade prelegis en la universitato jam post 1977.
(3) Verŝajne la universitato de Hamburg havas la plej longan tradicion rilate al la temo. D-ro Werner Bormann estas "Instrukomisiito pri interlingvistiko", en la kadro de la Instituto pri fonetiko, ĝenerala lingvoscienco kaj hindogermanistiko.
(4) En la kadro de la Instituto pri angla filologio.
(5) En la kadro de la Instituto pri kibernetiko.

*Detlev Blanke, Otto-Nagel-Str. 110, DE-12683 Berlin*
*Tel.: +49-30-5412633, Fakso: +49-30-5456742, E-poŝto: blanke.gil@snafu.de*

***

# Kelkaj notoj pri ILEI en la Universala Kongreso de Esperanto

1) En la UKE (Telavivo, julio 2000-a) partoprenis milo da homoj, sufiĉe "motivitaj": bedaŭrinde la prave timataj varmego kaj altkosteco forte selektis la partoprenemon. Relative granda ono de la kongresanoj estis ILEI-anoj kaj/aŭ instruistoj.
2) Dum preskaŭ la tuta kongresa daŭro funkciadis nia ILEI-budo, danke al la malavara sindonemo de niaj aktivuloj: unuavice Boo Mee Kim-Lindblom (SE) (kiu kunordigis la dejorplanon kaj mem longe dejoradis), sed ankaŭ pluraj aliaj (Mireille Grosjean (CH), Mihai Trifoi (RO), Luisa Oberrauch (IT), Doroteo Holland (US), H. Green (AU), Agneta Emanuelsson (SE), k.t.p.
Multaj kongresanoj haltis, informiĝis, aliĝis, interbabilis ...
En la Libroservo estas prezentita nia nova lernolibro OKULO.
3) Tre utila estis la jus bakita alloga varbilo pri ILEI/Interkulturo, mirakle alveninta el Budapeŝto zorge de Stefan MacGill, spite de ĉiaj malhelpoj.
4) Dum la inaŭgura tago okazis la ILEI-kunsido en solena salono kun bona partopreno, kie ni resume prezentis la ecojn kaj farojn de nia asocio, kun intervenoj de divers-landanoj.
Ĉefe oni interesiĝis pri la kunligado de lernejoj kaj universitatoj kie oni instruas aŭ iel traktas esperanton, pri niaj konferencoj pasinta kaj venonta.
Aparte oni tuŝis la problemon de "Euroskola".
Mi opinias ke tia tradicia kunsido estas utila kaj necesa, sed ĝi bezonas pli da tempo ol la nuna 1,5 horoj. Ĉu ni postulu almenaŭ unu horon plian aŭ ĉu ni distingu prezentan kunsidon por eksteruloj disde faka kunsido por la membroj?
5) La "Tago de la Lernejo" ĉi-jare havis je dispono nur 3,5 horojn.

Ĝia temo estis precipe nia (kaj de UEA) projekto INTERKULTURO: la nuna stato de la laboro kaj la perspektivoj. Pri tio oni povas legi artikolon de Radojica Petrović en ĉi-sama kajero de IPR.

Ankaŭ la TAGO DE LA LERNEJO ricevis bonan atenton:

– la Kvazaŭa Lernejo "Tibor Sekelj" estis prezentata grand-ekrane;
– intervenis kelkaj instruistoj partoprenantaj en IK el pluraj landoj (RO, TG, JP, IT);
– iam envenis ankaŭ la etuloj de la Infana Kongreseto, kiuj prezentis siajn kantaĵojn;
– oni ricevis aliajn kontribuojn pri lernejaj temoj (ekz. la israela instrusistemo kaj pri nova eblo por esperanto en Japanujo.

Niaimprese la "Tago" estis sukcesa, kaj espereble ĝi vekis novan apogon al nia agado.

6) Ankaŭ dum Komitatkunsido de UEA ni prezentis la laborstaton de nia komuna projekto, kaj ricevis iometan subtenon.

Tie ankaŭ definitive aprobiĝis la nova konsisto de IEK (Internacia Ekzamena Komisiono), la regularoj por instru-kapabliga ekzameno kaj por la IIK.

7) Malgraŭ ke en la strategiaj planoj de UEA edukado kaj instruado ĉiam menciiĝas kiel tre gravaj, dum la oficialaj inaŭguro kaj fermo, oni tute malmemoras alvoki la saluton de ILEI. Tio verŝajne estas kroma signo de la kontraŭdiro inter "diro kaj faro", kiu pro inercio ankoraŭ regas.

8) Tre grava branĉo de la kongresumado estas la maloficialaj (koridoraj) kontaktoj. Ankaŭ ĉi-jare tiu grundo estis plugata, semata kaj liveris rikolton.

Pri tio mi skribos iom post tiom dum la tagoj, sed jam mi povas aludi pri iuj kazoj:

– kunlabor-interkonsento kun la budapeŝta ELTE-universitato pri Interkulturo;
– ebla eksolvo de la germansekcia problemo;
– konkreta kaj solida pretigo al starigo de korea sekcio;
– reveko de la itala sekcio;
– ekiro al solvo de nia reprezentiĝo ĉe Unesko kaj partopreno en EJL (Eŭropa Jaro de Lingvoj);
– eble trovo de novaj kontaktoj kun rusoj kaj armenoj;
– diskuteto kun homoj de amerikaj UEA/LA pri ILEI en tiu kontinento kaj interkunlaborado de niaj hispanlingvaj sekcioj (per komuna materialoj) kaj eltrovo de reprezentantoj en "novaj" amerikaj landoj;
– parta ekdiskuto por la kompletigo de nia estraro.

9) Post la ILEI-kunsido okazis tuja telefona intervjueto ĉe Radio Varsovia.

Alian tagon okazis longa magnetofona intervjuo por la sama Pola Radio pri Projekto Interkulturo, pri ILEI, pri la estonta LIL, kaj pri kial la Tria Roma Universitato interesiĝas pri Esperanto.

*Maŭro La Torre*

# Infana Kongreseto subtenita de ILEI

Ja ekzistis programo por la ĉi-jara Infana Kongreseto, feliĉe la gvidantoj pretis devii de ĝi, kiam indis. Ekzemple, tuj post alveno en la varma Hadassim, anstataŭ kutimaj ŝablonaj sinprezentoj, eblon tuj plonĝi en naĝejon oni kun danko akceptis. Ĉiuokaze, la infanoj jam en Tel Avivo interkonatiĝis, eĉ amikiĝis. Naĝado oftis dum la semajno, kiel atestas la unua foto.



La 18 infanoj venis el tiom da landoj, ke krokodilebloj malmultis; pluraj el la nedenaskuloj faris herkulajn strebojn interparoli en Esperanto. La manlaboraj aktivaĵoj sub gvido de Ankica (farbado de tolaĵoj, kunmeto de kolĉenoj, plektado de pojno-rubandoj) pruviĝis tre popularaj, kaj kvankam en si mem ne-lingvaj, postulis alt-gradan aŭskult- kaj kompren-kapablon kaj spronis multan babiladon.

Pli rekte lingva estis komuna ludo plani magazenon, aktiveco jam priskribita en la hejmpaĝo de IIK (vidu ĉe www.uea.org ĉe Servoj/Kongresoj/IIK). Sur la dua foto [*vidu dekstre*], de dekstre: Csaba, Karina, Zsuzsa kaj Krisztina montras afiŝon, kiun ili kune desegnis por tiu magazeno.

Tri el tiuj infanoj, kaj unu plia, povis partopreni en IIK pere de subteno el fondaĵo de ILEI. Unuflanke, ili ĝuis unikan inter-nacian kaj inter-amikajn

spertojn; aliflanke ili kontribuis aktive kaj valore al la komuna etoso. Entute, neforgesebla semajno!

Informilo por la 34a IIK jam aperis, kun speciala inkluziva prezo de 109 EUR ĝis 30 sept. 2000. Poste validas 129 EUR ĝis la jarfino; plie laŭ ŝtupoj ĝis 179 EUR por lastmomenta aliĝo. Aliĝu tra la IIK-hejmpaĝo, aŭ petu informilon/aliĝilon de la subskribinto (adreso, p. 2.)

*Stefan MacGill*




# 34-a ILEI-Konferenco, 15-21-a de julio 2000
## Esperanto-Centro Kvinpetalo, Francio

**Prelegoj kaj rekomendoj**
Ĉeestis 23 partoprenantoj el 10 landoj. La etoso kaj bona prizorgado de la teamo ĉe Kvinpetalo certigis amikan kaj fruktodonan kunlaboradon dum kontentiga programo. Bedaŭrinde – pro manko de sinproponoj antaŭ la konferenco – ne eblis publikigi ĝin por varbi pli da partoprenantoj. Tamen (jam dum la antaŭa konferenco) la estraro ne antaŭvidis grandan nombron pro tio, ke ĝi ne okazis tuj post UK kaj ne en la sama lando, Israelo.

**Programo**

Post la afabla bonvenigo de Suzanne Bourlot kaj Georges Lagrange, la prizorgantoj de Kvinpetalo, la fina programo kunmetita realiĝis nur post interdiskutado kun la alvenantoj. Kelkaj bonkore proponis programeron, inter aliaj Lagrange mem, kiu estas vaste konata verkisto. Aparte profitdona estis la neatendita prelego de Jean Berbaum pri 'psikologio en lingvolernado' rekte tradukita el la franca de Gaston Riste, reprezentanto de GEE (la instruista fako de UFE), kaj de Maria Majerczak, nia pola sekciestrino. Robert Moerbeek kaj Georges Lagrange diversmaniere kaj tre trafe pritraktis gramatikaĵojn per eraroj de lernantoj. Dum la konferenco alvenis ne nur tre bonvenaj amikaj salutoj de la prezidantoj (kiuj pro diversaj aliaj farendaĵoj, bedaŭrinde ne povis partopreni), sed ankaŭ informoj kaj sugestoj, kiuj fondis la bazon por fruktodona komitata kaj grupa interdiskutado.

Tra la tuta semajno troviĝis ankaŭ sufiĉe da tempo por ripozi kaj distri sin. Dufoje oni manĝis specialaĵon de la regiono ĉe loka restoracio kaj interalie ĝuis prezentaĵojn tre diversajn de pluraj kulturoj, inkluzive de paperfaldadon el Koreio, kantojn, poemojn kaj prelegeton de aliaj landoj. Je la komenco Georges gvidis ekskurseton ĉirkaŭ Bouresse mem kaj en merkredo la plimulto vizitadis la antikvan urbon, Poitiers, dum grupeto pluen veturis al 'Futuroscope'.

**Komitata Kunsido**

Konsentis prezidi s-ino Agneta Emanuelsson, kune kun Boo Mee Kim-Lindblom (kasistino), kaj Jennifer Bishop (estraranino pri konferencoj).

La komitato konsistis el 14 elektitaj komitatanoj. Post kalkulo estis konfirmita, ke ĉeestis kvorumo, kio ebligis al la komitato akcepti raportojn, fari proponojn kaj la jenajn decidojn:

1. malŝarĝi la estraron kaj Kasiston de la laboro de 1999
2. IPR – por malaltigi la koston, esplori eblojn presi ĝin en Bulgario, kondiĉe, ke tio ne estu kontraŭ kontrakto
3. konfirmis la planon kunlabori kun Orbis Pictus por okazigi la 35-an ILEI-Konferencon 2001 en Savudrija, Kroatio, tuj post UK en Zagrebo. (Informiloj pri Brazilo, kiel ebla loko por la 36-a ILEI-Konferenco estas trarigarditaj.)
4. konfirmis elekton de s-ino Mariana Evlogieva (Bulgario), kiel Sekretario de ILEI.
5. akceptis la demision de Carla de Lorenzi, apogas proponon akcepti kandidatigojn de Charles Donoghue kaj Peng Zheng Ming por la vakaj estraraj lokoj kaj – por stabiligi la estraron – akceptas, ke aliaj estraranoj ne estu devigataj demisii je la fino de sia dejorperiodo dum 2000-2001.
6. elektis elektokomisionon: kunvokanto – Gwenda Sutton plus Maritza Gutierrez (Kubo) kaj Joseph Catil (GEE, Francio)

7. Lars Forsman (Svedio) estu anstataŭanto en la financa kontrola komisiono post la forpaso de Martha Andreasson.
8. plibonigi la eksterajn rilatojn – inter aliaj – kun UNESKO, Freinet kaj daŭrigi la laboron al eventuala membriĝo en FIPLV.
9. Mireille Grosjean fariĝu reprezentanto de ILEI ĉe Internacia Asocio de Instruistoj Pacen.
10. Rezolucio: ĉiuj helpu pri la ĉefaj kulturaĵoj de sia lando: ideala temo por nova lernolibro kaj peni havi ILEI-sekcion en ĉiu lando.

Aldonaĵo – pri la elformata Strategia Plano de UEA, la Komitato aprobas la vortumojn proponitaj de ILEI, precipe pri ĝiaj edukaj partoj.

**Raporto de Studgrupoj**

Rekomendoj:

1. Konferenca programo estu antaŭe publikigita.
2. En Francio eblas instrui Esperanton per 'loka kontrakto pri edukado – (france: CEL) en mezlernejoj. GEE preparis modelan leteron por sendi al la estro, ni instigu francajn instruistojn fari tion.
3. Okazu kunlaboro inter sekcioj en diversaj regionoj de la mondo por okazigi profesinivelajn trejnseminariojn por instruistoj, kun interkonsento de ILEI.




*Georges Lagranges kun Monique Arnaud (fone Rob Moerbeek)*

4. Kuraĝigu delegadon kiam sekciestro multe aktivas ankaŭ por aliaj E-organizoj.
5. Sekcioj kreu bonajn rilatojn kun landaj asocioj pri lingvolernado.
6. Gimnazio dum ILEI-Konferenco estu nomata 'kolegio', por 13-17 jaruloj, se konsentos la iniciatinto. Ĝia programo komenciĝu malfrue matene kaj inkluzivu sporton kaj muzikon.
7. Dimanĉ-matene ne estu programo dum Konferenco.
8. Invitu ne-esperantistajn instruistojn al malferma procedo dum Konferenco en Brazilo.
9. Penu konvinki instruistojn nek pri 'facileco' nek pri 'simpleco' de Esperanto, sed pri 'reguleco' kaj 'precizeco'.
10. Dum trejnado de instruistoj akcentu ankaŭ lertecon pri la informado pri Esperanto.
11. Starigu fonduson por helpi al seminarioj por instruista trejnado – por pagi vojaĝkostojn, materialojn, honorariojn k.t.p. – eventuale altigi la kvaliton.
12. Anoncu trejnseminarion pli ol unu jaron antaŭe.
13. Okazu daŭrigo de programeroj por gejunuloj 13-18-jaraj dum UK.
14. En IPR invitu al la membraro prezenti ion dum la Konferenco.
15. Disvastigu informojn pri projekto Euroscola en Esperanto.
16. Malgraŭ grandaj ekonomiaj problemoj, strebu al disvastigo de instruado de Esperanto, ĉar la sperto montras, ke lernado de Esperanto povas helpi al pli granda bonfarto de la lernantoj!

*Jennifer Bishop, estrarano pri konferencoj*

# Taglibro de kasisto – ne nur pri financo

**Dimanĉe**, la prelego de Georges Lagrange "Pri gramatikajoj" estis bona. Li preferas modifi la vicon de la kutima fraz-sintakso: subjekto + verbo + objekto. Li daŭre klarigis pri cel-akuzativo kaj mov-akuzativo tute klare. Vespera programo, diapozitiva prezento de Marij Daenen pri "Renkontiĝo en Nepalo" estis interesa. Ni konatiĝis kun ne-kutima kaj fora kulturo.
**Lunde**, Rob Moerbeek prezentis pri "La eraroj de la eraroj". Multaj ĝuis lian prezenton. Antaŭtagmeze, ne atendite ni trovis tradukitan prelegon pri "Psikologio de lernado" de Jean Berbaum. Tre interesan sperton kaj eksperimenton li prezentis. Tra mem-organizado kaj mem-ordigado, lernantoj lernas plej efike. Vespere Nijl el Usono gvidis distran programon en kultur-diverseco.
**Marde**: du grupoj diskutis intense. La temoj de la unua grupo estis "La nuna stato de E-instruado en la lernejoj: „normoj kaj faktoj" kaj "La rolo kaj disvastigo de E-instruado en universitatoj." Abunde prezentiĝis faktoj pri instruado en baza lernejo en Francio, en gimnazio en Svedio, en universitatoj en

Pollando kaj Koreio, eĉ infanvartejo/antaŭ-lerneja klaso en Francio, por plenaĝuloj en lernejoj en Kubo. Diskuto "Kiel veki interesojn de lernantoj pri E-o" naskis konvinkigajn taktikojn kaj rekomendojn. Interalie oni parolis pri utiligo de la reto strategie. Kiam la informo pri la projekto "Euroskola" prezentiĝis, la diskuto pli entuziasme profundiĝis. La partoprenantoj sentis la gravecon de E-instruado kaj realigon de la praktiko tra la projekto.

Mi diskutigis niajn financojn, ĉar la kosto de IPR superas la ILEI-rimedojn el kotizoj. Miaj proponoj estis:

a) Altigi la membrokotizon diversmaniere,

b) Uzi novan presejon en malmultkosta lando: ekz. en Bulgario,

c) Eldoni nur 3 numerojn anstataŭ 4 jare.

Leviĝis kontraŭstaroj al a) kaj c); necesus esplori praktikajn eblojn antaŭ ol decidi pri b).

**Merkrede** okazis la tuttagaj ekskursoj. Multaj ĝuis tion kaj laciĝis sufiĉe. Vespere ni manĝis en restoracio, kaj poste ludis Esperanto-bingon, kiu estis miksaĵo de kvizo kaj bingo.

**Ĵaŭde** la programo inkluzivis E-kartludon kaj aliaj promenis. Tombolo antaŭ vespermanĝo estis amuza. La rezultoj de tombolo kaj E-bingo enspezigis kune 113 EUR al la Koleghelpa Kaso, kiu altiris ankaŭ donacojn de 37 EUR. Fine, preskaŭ ĉiuj (kelkaj pli frue foriris) ĝuis bongustan adiaŭan vespermanĝon.

Dum la konferenco ILEI akiris kvar novajn membrojn. La gajno de la konferenco estos proksimume mil euroj, kiu tre pozitive kontribuos al la financa stato de la Ligo.

*Boo Mee Kim-Lindblom, kasisto*



*Parto de la konferencanoj sur la korto de Kvinpetalo*

**Leonardo Pampaloni**

# Mallonga filmo en Interkulturo

Prato estas urbo en centra Italio, kaj, laŭ dia plaĉo, instruisto de elementa lernejo de tiu urbo povis iniciati antaŭ kelkaj jaroj Esperanto-lernejan grupon. La nomo de la grupo estas LA HERBEROJ, ĉar Prato, itallingve, signifas herbaro-n.

La „herberoj" lernas Esperanton per kantoj, rol-ludoj kaj internacia korespondado. Dum la lernojaro 1998/99 la grupo korespondis kun elementa lernejo de Limeyrat, malgranda vilaĝo de Dordogne en Francio, kaj la du lernejoj faris kune ĉen-rakonton. La „herberoj" verkis kaj desegnis la unuan parton, francaj geamikoj la duan, la „herberoj" la trian, k.t.p... La rakonto finiĝis en junio 1999 kaj entenas ses partojn.

Dum la lernojaro 1999/2000 la korespondado plivastiĝas per partopreno al Projekto Interkulturo kaj per financado de Eŭropa Unio. Fakte, kadre de ago 1 de Programo Comenius, tri eŭropaj bazaj lernejoj (de Prato, de Limeyrat, de Bixad en Rumanio) preparis projekton LUDEŬREJO, t.e. daŭra korespondado pri komuna temo INFANLUDOJ kaj LUDILOJ.

Plie, la „herberoj" faris, dum la jus pasinta lernojaro, mallongan filmon. Ĉiu instruisto bone scias kion signifas daŭra internacia korespondado: ĝi estas stimula rimedo de la lernado, sed kiom da tempo kaj laboro estas bezonata por vere profiti de ĝi! Ĉiu instruisto bone imagas kion signifas preparado de filmo, eĉ mallonga filmo, en lernejo: kiom da kapabloj ĝi metas en ludon kaj antaŭenigas, kiom da problemoj kaj malfacilaĵoj ĝi naskas.

La titolo de la filmo estas LA PERDITA HARMONIO, ĝi daŭras 14 minutojn kaj ĝia temo venas el la ĉen-rakonto. En la historio estas vilaĝo, kiu nomiĝas Smeraldo, estas verda kvinpinta stelo, kiu feliĉigas, estas reĝo, reĝino kaj princo, kiu volas retrovi la stelon mistere malaperintan, estas roboto kaj du geturistoj, kiuj helpas la princon, kompreneble estas monstroj; en la filmo eĉ estas teruraj scenoj, sed la historio feliĉe finiĝas.

Laŭ mi estis 5 fazoj gravaj, laŭ didaktika vidpunkto, dum la filmpreparado:

1) laborado pri la rakonto al dialoga teksto, taŭga kiel rolaranĝo;
2) preparado de la kostumoj kaj de la scen-aranĝoj;
3) rol-ludado kaj atribuo de la roloj;
4) elekto de muzikaĵoj kaj kunmeto de kanto pri reveninta harmonio;
5) filmado kaj vidado de la bildoj.

Laŭ la celoj de ĉi tiu revuo, mi opinias, ke valoras iomete paroli pri la unua kaj la tria fazoj.

La verkado de rol-aranĝo estas malfacila lingva laboro, eĉ en nacia lingvo. Kelkaj partoj de la rakonto teatrumiĝis, okaze de lernejaj festaĵoj en la jaro 1999. Sed prepari rol-aranĝon por filmo estas pli malfacila, ĉar oni devas ŝanĝi multajn detalojn por simpligo de filmado kaj por limigo de la scenoj. Tial la rol-aranĝo estis malfermita ĝis la film-muntado kaj ĉiuj lernantoj ludis ĉiujn rolojn ĝis la

filmado. La atribuo de roloj okazis malmultajn tagojn antaŭ la unuaj filmadoj kaj, ĝenerale, laŭ la jena lerneja regulo: tiu, kiu plej multe bezonas, plej multe laboras.

Ĉu la „herberoj" lernis Esperanton per la preparado de la filmo? Sendube ili lernas multajn objektojn, mi opinias ankaŭ Esperanton; ĉefe ili, ludante, lernis engaĝiĝi kaj elturniĝi.

*Leonardo Pampaloni,*
*Elementa lernejo LA CASTELLINA, via Gino Capponi, IT-59100 Prato, Italio*

**Radojica Petrović**

# Interkulturo – post unu jaro

Onte al la projekto Interkulturo depost la UK en Adelaido 1997 kaj ekde ĝia oficiala lanĉo en la simpozio/kolokvo "Esperanto en lernejoj" dum la UK en Montpeliero 1998, iuj povis supozi ĝin ankoraŭ unu ne tre promesa provo disvastigi esperanton tra enlerneja instruado. La ĝisnuna evoluo de la projekto kun vico da renkontiĝoj sine de Interkulturo (Pale en decembro 1999, Ĉaĉak en januaro kaj julio 2000, Bjalsko-Bjała en januaro, Krakovo en aprilo/majo, Kopaonik en julio), aliaj agadoj kiujn interkulturanoj entreprenas kaj reeĥo en eksteresperantujaj medioj atestas ke ĝi eliris la kadron de lerneja edukprojekto kaj fariĝis pli vasta agadkampo inspiranta al novaj programoj kaj projektoj. Tio pliigas ĝiajn ŝancojn kaj riskojn.

Esence, Interkulturo estas bone gvidata kampanjo pli ol projekto en rigora senco. Krom bone difinitaj celoj kun ĝeneralaj gvidlinioj kaj agadtrajtoj, en la projekta dokumentaro mankas detalaj agadplanoj kun precizigitaj plenumontoj kaj necesaj rimedoj, procedaroj, priskriboj de esplor- kaj agadmetodoj k.s. Sed, pli grave, rezultoj ne mankas, rezultoj de investitaj energio, scio, volo kaj motiviĝo de la teamo kiu formiĝis en ILEI kaj ĉe la Laboratorio por Eksperimenta Pedagogio de la Tria Roma Universitato kun kunlaborantoj dise en la tuta mondo. Ĝia ĉefcelo – kontribui konkrete al interkultura edukado en lernejoj – altiris al la projekto entute 97 klasojn el 28 landoj, de la plej riĉaj ĝis la plej malriĉaj, el ĉiuj partoj de la mondo, el diversaj kulturoj kaj kun diversaj civilizaj radikoj. En la unua projektojaro ili lernis esperanton kiel rimedon por realigi la ĉefcelon, prezentis sin en la Kvazaŭlernejo "Tibor Sekelj" – la ĉefa komunikejo en la projekto kaj elektis interkulturajn esplortemojn en la esplorkampoj de nutrado, vestado, lernado, lingvo, muziko, komunikado, klimato, sano, bestaro, tradicioj, medio aŭ eble io alia, pri kiuj ili interŝanĝos esplormaterialojn kun aliaj klasoj en formotaj temringoj.

Dume en iuj landoj la projekto gajnis konkretan materian subtenon de koncernaj ministerioj. Ĝi estis prezentita dum EEU-Kongreso en Ostendo kaj altiris indan atenton de aro da eminentuloj el provincaj kaj urbaj instancoj en EU, kiuj

promesis subtenon. Ĝi produktigis novan lernolibron kaj inspiris aŭ ensorbis aliajn interkulturajn agadojn.
Entute, la projekto fariĝis iom pli ampleksa ol origine planita kaj tial malpli rapide evoluanta ol estis esperate kun problemoj kiuj iom ombrigas la komencan vervon. Malfruas kompletigo de la elektotabeloj pri interkulturaj esplortemoj kaj funkciigo de la temringoj kiel kerna agado en la projekto. Prokrastiĝis eko de la iam anoncita kultur-geografia sliparo kun revata spektakla rezulto en formo de siaspeca kulturgeografia enciklopedio.
Pluraj klasgvidantoj deklaris, ke iliaj klasoj disfalis, aliaj ne anoncis sian elekton pri esplortemoj kaj tre malmultaj respondis al invito de la prezidanto de ILEI raporti pri stato de sia agado fine de la unua projektojaro.
Ĉiuj cititaj problemoj kaj relativaj malsukcesoj ne malpliigas la gravecon de la projekto kaj ĝiajn palpeblajn efikojn, sed pruvas kiom grave estas aktivigi novajn agantojn kaj certigi seriozan materian subtenon al la projekto por ĝia dua laŭplana jaro kaj por ĝia daŭrigo post la planita dujara periodo.
Unue planita kiel dujara projekto, Interkulturo en tiuj du jaroj fakte travivas sian provperiodon. Pluraspekte ĝi ekfluis alie ol unue konceptite. Iuj celoj montriĝis pli seriozaj kaj praktike nerealigeblaj sen adekvataj materiaj rimedoj kaj homaj fortoj. Samtempe aliaj, neprojektitaj celoj kaj ŝancoj aperis. Pro sia amplekso kaj ne egala preteco de ĉiuj partoprenantoj, Interkulturo bezonos du jarojn ne por plene efektiviĝi, sed por almenaŭ atingi plenan funkciivon. Multe da energio kaj pacienco necesis, ekzemple, por aranĝi la paĝaron de Kvazaŭlernejo "Tibor Sekelj" aŭ, aliflanke, por konvinki iujn esperantistojn kaj neesperantistojn pri la graveco de la projekto, pri la ŝancoj kiujn ĝi naskas, pri la neceso akcepti ĝin. Estus domaĝe forlasi ĉion tion jam post du jaroj. Prefere ĝi fariĝu longdaŭra agadformo, kun nove aliĝantaj klasoj, kun ĉiam novaj ideoj, vervo kaj enhavoj, des pli ĉar ĝia naturo kaj ĝiaj celoj plene korespondas al la celoj de Kampanjo 2000 kaj al la ĉefintencoj de nove preparata strategia plano de UEA.

Nekompleta projektoteamo sen taskigitoj por ĉiuj projektaj agaderoj kaj sen sufiĉa financa subteno povas esti la ĉefa obstaklo al plena realigo de la projektitaj celoj de Interkulturo, des pli al efektivigo de novaj instigaj ŝancoj kiujn la projekto kreis. Ĉiukaze nun gravas, ke en la sekva studjaro realiĝu la ĉeffluaj elementoj de la projekto: plena funkciado de la paĝaro de Kvazaŭlernejo "Tibor Sekelj" kaj interkultura esplorado laŭ elektitaj temoj kiun la partoprenantaj klasoj faros en difinotaj temringoj per interŝanĝo de interkultura esplormaterialo kolektota kaj kreota. Tiucele la estraroj de UEA kaj ILEI devas kunlabore kaj senprokraste mobilizi kompetentan teamon de kunordigantoj laŭ difinitaj taskoj kaj esplortemoj. Okazigo de regionaj IK-seminarioj povas, per reala renkontiĝo de IK-klasoj, pliefektivigi ilian kunlaboron en la virtuala lerneja medio de "Tibor Sekelj". Esence grava povas esti efektiva funkciigo de la nun formale ekzistanta Scienca Komitato por aldifini sciencajn esplorcelojn de la projekto, esplormetodojn, kriteriojn kaj mezurilojn. Komunikado de la tiel

atingotaj rezultoj al neesperantistaj simpozioj kaj revuoj pri, ekzemple, moderna instruado kaj edukado, estas mallasenda ŝanco por levi la prestiĝon de esperanto en la sciencaj rondoj. Fine de la planita dua jaro de la projekto estas necese organizi ĝeneralan simpozion aŭ interkonsiliĝon (ĉu: kongreson de inter-kulturanoj kun festivalo de ties atingoj) kiel memstaran aranĝon, ekster UK kaj ILEI-konferenco, por resumi rezultojn, analizi mankojn kaj problemojn kaj plani pluan disvolviĝon de la projekto.

*Radojica Petrović*, <radp@ptt.yu>

# El la landoj kaj sekcioj

## Albanio

*Kompletigo de la ILEI Jarraporto* (IPR 00/2)

La albanan sekcion de ILEI oni fondis komence de la 90-aj jaroj, kune kun Albana Esperanto-Ligo kaj la albana TEJO-sekcio. En la lastaj tri jaroj la junulara movado iom malaktiviĝis. Escepto estas tiuj 30 studentoj, kiuj lernas Esperanton ĉe Monda Turismo en Bydgoszcz. La ILEI-sekcio restas iom pli organizita, ĉar ankaŭ ĝia laboro estas pli evidenta. Jen kelkaj kapablaj anoj de la sekcio: s-ro Vasil Pistoli (77 j.), aŭtoro de la unua plena E-lernolibro por albanoj, s-ro Zef Mjeda (77 j.), verkinto de E-lernolibro (bedaŭrinde li nun estas duonparalizita), s-ro Gjergji Gusho (60 j.), instruisto de la rusa kaj itala (pro manko de mono, lia lernolibro ĝis nun ne aperis), s-ro Zamir Gjurgji, jurnalisto, ĉefredaktoro de la jurnalo Flamuri, s-ro Saimir Neqiraj, universitata instruisto, f-ino Rita Permeti, la kasistino de la sekcio, s-ro Shaban Hasani, inĝeniero pri konstruado, s-ro Nehat Sokoli, instruisto pri biologio, s-ro Agim Peraj, pentristo-instruisto, prezidanto de AEL, f-ino Enkela Xhamaj, instruistino pri la angla, s-ino Heide Martha Otto, instruistino de fremdlingvoj.

Ĉi-jare funkcias lernokursoj en Vlora, Kukes, Pogradec kaj Lezhë. Ĉiun duan monaton la sekcio eldonas plurpaĝan sekcian bultenon. Agim Peraj estas nun pretiganta fakan vortaron. Bardhyl Selimi revizias sian lecionaron (laŭ la Zagreba Metodo) kaj finpretigas duvojan vortaron surbaze de PIV. Krome li, kune kun s-ro Pistoli kompilas grandan Albanan-Esperantan vortaron surbaze de la granda Albana-Albana vortaro.

La laboron de la sekcio malfaciligas, ke – pro la konataj ekonomiaj kialoj – ili ne povas mem pagi sian membrokotizon en la diversaj internaciaj organizoj, eĉ la akiro de vizo – ekzemple al Italio – ofte signifas nesolveblan problemon.

La sekciestro nun ne havas retan aliron, sed vi povas atingi lin laŭ la adresoj: Shhasani@albmail.com; sbokshi@bankofalbania.org; star@albmail.com; pcipo @uptal.tirana.al. Iam, eble ekfunkcios ankaŭ lia propra adreso: bardhylselimi@ yahoo.com. Lia telefono: ++355 4 238 558.

*Laŭ la sekciestra raporto kompilis Jozefo Németh*

## Britio

**Kiu helpas?**

Kiu ne jam aŭdis pri Urso-Kurso, la ampleksa, porinfana instru-kompleto - moderna, plenkolora, amuza? Certe ne anoj de la brita sekcio de ILEI, ĉar multaj tre malavare finance subtenis la projekton, entuziasmas pri ĝi kaj helpas en la disvastigado kaj korektado. Sed kio pri anoj de niaj aliaj landaj sekcioj? Kion VI scias pri la projekto?

Britio troviĝas en malfacila situacio rilate Esperanton. Se la angla ja fariĝas la nova internacia lingvo – kaj ni permesas al ni tie ĉi diri, ke ni forte kontraŭstaras la ideon – kian esperon havos Esperanto en nia lando? Anstataŭ plendi pri ĝi tamen, ni faris ion. Ni verkis bonegan kurson, celante infanojn kaj sukcesas enretigi tutajn familiojn. Ĉar temas pri koresponda kurso – ĉar ni estas realismaj kaj konscias, ke mankas homforto tie ĉi por daŭre aranĝi kursojn – ni devis inkluzivi iom de la angla lingvo por kelkfoje klarigi. En la porinfanaj kajeroj troviĝas malmulte de anglaj vortoj, kaj ĉiuokaze ni provizas Esperantan tradukon por tiuj, kiuj ĝin deziras. La porgepatraj libroj, kiuj inkluzivas plenajn klarigojn, aldonajn laborfoliojn, aktivigajn kartojn por 'Mil Unuaj Vortoj', kompreneble aperas anglalingve. La kromajoj, kart-ludoj kaj kvizkartaro estas ĉiuj eldonitaj en Esperanto.

Ne, ni ne plendas pri la situacio en Britio rilate la anglan lingvon, ni ne plendas pri la sinteno de la registaro kaj infanoj rilate fremdajn lingvojn, ni ne plendas pri la manko de homforto por antaŭenigi Esperanton, ni faris ion por ĝi. La rekomendo ĉi-jare en la ETA-jarkunveno estis malfondi la britan sekcion, kaj fordoni ĉian monhavon. Kial? Ĝuste pro tio, ke mankas homforto kaj ege malmultaj deziras aŭ nun povas kunlabori. Sed malgranda teamo akceptis la respondecon kaj savis ĝin...ni plulaboros. Ĝuste pro tio, ke ni, en hejmlando de la nova internacia lingvo, faras ion pozitivan, strebas allogi novajn membrojn kaj instrui, ĉu ni ne rajtas je iom da subteno flanke de nia gepatra organizo, ILEI? Ĉu ne ĉiuj niaj sekcioj havas la saman celon? Ni povas facile kompreni, ke mankas subteno de la diversaj naciaj organizoj en Britio mem, sed kio pri nia internacia gekolegaro?

Kial la estraro de ILEI ŝajne subtenas nur siajn proprajn eldonojn? Kial akcepto kaj kuraĝigo kaj aktiva subteno mankas? Ĉu ĉar nia kurso enhavas iom da anglaj vortoj? – iom stulta kialo por kontraŭstari kurson, kiu nepre devas esti koresponda, kaj kiu jam kaptis ĉirkaŭ 70 familiojn en Britio, infanojn KAJ gepatrojn. Ĉu ĉar ĝi ne sekvas la ŝajnan ILEI-an instru-metodon, kaj ne estas plenplena je verboj en la unuaj du-tri paĝoj? Iom netolerema, ĉar ekzistas pluraj diversaj instru-metodoj kaj ĉi tiu nia tute taŭgas por kaj koresponda kaj ĉeesta instruo, kaj verb-forta ne nepre estas la pli bona. Ĉu ne diverseco gravas? Ĉu ĉar ni ne sciigis al ILEI pri niaj unuaj planoj kaj petis kunlaboron? Sed ni ne havis tempon atendi...la angla vaste disvastiĝas kaj Esperanto mortas en Britio, kaj ĉu unu el la celoj de ILEI ne devus esti kuraĝigi sekciojn sendepende agi, aŭ ĉu

ILEI havas la homforton por ĉion fari mem? Sufiĉas la admonetoj – ni ne plu mencios la strangan mankon de subteno flanke de nia gepatra organizo, ĉar ni deziras esti pozitivaj.
Do por tiuj, kiuj ja interesiĝas jen mallonga ĝisdatigo. Ĉio progresas bone. Ĉi-jare ni esperεble sukcesos pritrakti pli grandskalan reklamadprogramon, sed, malgraŭ la ĉi-jaraj problemoj, ni ne estis neaktivaj! Ni disponas je granda ligna urso, kiun ni uzas kiel reklamilon, kaj "li" troviĝas ĉe kongresoj kaj en bibliotekoj. Ĉiu EAB-anoj ricevis du el niaj reklamaj fiŝ-poŝtkartoj kun peto sendi ilin al konataj infanoj. Atendas familioj, kiuj nun sekvas la kvaran parton de la kurso, jam preparita de ni laborkajero (en la angla lingvo!) por akompani "Tendaraj Tagoj 1". Novaĵletero, "Bear Facts" aperas sezone kaj estas bona sukceso. Pere de ĝi ni retenas kontakton kun la gepatroj kaj iom post iom enkondukas ilin en la Esperantan mondon. Infanoj havas ŝancon partopreni konkursojn kaj tiuj ankaŭ estas tre popularaj kaj helpas reteni intereson. La orienta federacio de EAB "adoptis" urson kaj dissendas la ricevitajn senpagajn enirbiletojn al konkurs-gajnintoj. Ni organizas nun porinfanan semajnfinon, kiu okazos dum la oktobra trimestromeza ferisemajno, kaj jam vekis grandan intereson flanke de la infanoj kaj gepatroj – ege malofta okazaĵo en Britio. Nu, eble la ĉefa afero estas, ke tiuj, kiuj ja aĉetas kaj tralaboras la kurson ŝajne estas tre kontentaj pri la prezentmaniero kaj la akompana materialo kaj fariĝas Esperantistoj. Eble, fine, nur tio gravas.

*Angela Tellier, en la nomo de Esperanto Teachers' Association*

# Japanio

**Esperanto en lernejoj kaj universitatoj**

En Japanio antaŭ 2 jaroj komenciĝis unuafoje normala leciono de Esperanto kiel unu el fremdaj lingvoj en supera mezlernejo. La lernejo, kies nomo estas Nippa, troviĝas en la gubernio Kanagaŭa. Laŭ enketo oni instruas Esperanton en 15 universitatoj kaj 2 superaj mezlernejoj. Kiel unu el ekster-klasaj aktivadoj lernantoj lernas Esperanton en 3 superaj mezlernejoj kaj 2 elementaj lernejoj. En Kvazaŭlernejo Tibor Sekelj partoprenas 2 elementaj lernejoj kaj 1 mezlernejo.

*Informis: NAKATSUKA Kimio*
*nakatsuka@mtg.biglobe.ne.jp*

# Svedio

**Märtha Andreasson forpasis**

Post kelkjara kormalsano mortis sinjorino Märtha Andreasson la 8-an de majo 2000, 73-jara. Ŝi vivis en Gotenburgo, Svedio, kaj eklernis E-on en 1953. Kiel tre agema homo ŝi baldaŭ mem instruis, kaj dum la sekvaj jardekoj ŝi gvidis multajn kursojn de diversaj specoj. En la lastaj jaroj oni kadre de tiuj kursoj ofte okupiĝis pri tradukoj. La lasta rezulto estas Esperanta versio de la libreto

"Ekonomio sen rento kaj inflacio" de Margrit Kennedy, kiu baldaŭ estos publikigita.
Märtha estis talenta precipe kiel organizanto. Ŝi faris grandan laboron por organizi la seminariojn de Sveda Esperanto-instituto kaj estis membro de ties direkcio kaj ekzamena komisiono ĝis la morto. Antaŭe ŝi estis estrarano ankaŭ de diversaj aliaj organizaĵoj kaj dum kelka tempo komitatano de UEA. Per ŝia morto la E-movado perdis tre sindediĉan kaj aprecatan laboranton.

*Bo Sandelin*

# Svislando

**Instruista kurso denove en KCE**

Post multjara paŭzo, la tradicio pri porinstruistaj kursoj gvidataj de ILEI en Kultura Centro Esperantista, Svislando, restariĝis aŭguste. Oko da partoprenantoj frekventis la trian nivelon de la tria sesio de PIK (Plurnivelaj Intensivaj Kursoj) kies unua semajno dediĉiĝis al didaktiko. La emfazo estis je teknikoj rapide evoluigi parol- kaj kompren-kapablon en lernantoj, per starigo de situacioj postulante aŭ invitante je komunikado. Kursanoj mem plenumis plurajn taskojn por sperti mem la teknikojn.
Leviĝis la ideo, ke ILEI refoje okazigu instrukurson en KCE, eventuale en aprilo 2001 ĉirkaŭ pasko, ĉar la aŭgusta periodo ŝajnas jam plenigita de aliaj aranĝoj. Se la nova ekzamena nivelo (instru-kapableco) estos sufiĉe preta, la kurso povos prezenti tion kaj partopreno povus validi kiel unu el la kondiĉoj por la ekzameno.

*Smg*

# Usono

**Instruado de Esperanto en Usono 1999-2000**

*(Kompletigo de la Jarraporto en IPR 99/2)*

Dum la pasinta somero, okazis ĉe la San Franciska Ŝtata Universitato la bone konata intensiva, tri-semajna, por-kredita kursaro je tri niveloj. Ĉeestis entute 55 kursanoj (24 el Usono, 11 el Japanio, 3 el Svedio, po 2 el Britio, Kanado, kaj Kostariko, kaj 1 el Meksiko) sub la lerta gvidado de Mark Fettes (Kanado), Atilio Orellana Rojas (Argentino/Nederlando), Joel Brozovsky (Usono/Japanio), kaj Maria Hopkins (Pollando/Kanado). Ĉi-somere la instruistoj estis same elstaraj: Grant Goodall (Usono), Spomenka Ŝtimec (Kroatio), Dennis Keefe (Usono/Francio), kaj Reza Kheir-khah (Irano).
Dum la jusa lerneja jaro, la aŭdaca 15-leciona vidbenda projekto de ELNA (Esperanto-Ligo por Nord-Ameriko) "Pasporto al la Tuta Mondo" daŭre progresis. La dek du lecionojn kiujn oni jam filmis, kaj kiuj estas laŭ rekta metodo, la kursanoj ĉe SFU uzos ĉi-somere. La lecionaro instruas ne nur la lingvon Esperanto sed samtempe ĝian kulturon.
Pasintan junion, verŝajne por la unua fojo en usona historio, usonanino diplomiĝis ĉe universitato en la fako Esperanto. Temas pri Jennifer Korp, kiu

atingis tion ĉe "Principia College" en Elsah, Illinois, sub la gvidado de D-ro Duncan Charters, kiu en julio 1999 gvidis tri-tagan instru-seminarion ĉe la sama lernejo, kun 11 partoprenantoj.
Lastjare ses esperantistoj sukcese ekzameniĝis per la usonaj ekzamenoj, kies tri niveloj celas parolantojn de la angla; kaj en majo 2000 sukcesis ses aliaj, ĉi-foje dum la ELNA Esperanto-kongreso. La ekzamenoj estas sub la aŭspicio de ELNA kaj AAIE (Amerika Asocio de Instruistoj de Esperanto).
Pasintjare aliĝis al la ELNA perkoresponda E-kursaro nur 4 novaj kursanoj, kaj finstudis nur 6, kvankam estas entute 155 aliĝintoj. Nuntempe multaj usonanoj lernas E-on per la reto. Laŭ Marko Rauhamaa, kiu administras per-retan 10-lecionan kurson por angle parolantoj, en septembro 1999, 31 instruantoj gvidis 100 studantojn; kaj ĉiumonate 300 volas aliĝi (mankas sufiĉe da instruantoj) kaj 20 finstudas. Tamen, multaj ne indikas sian landon; do, temas ne nur pri usonanoj. En Usono almenaŭ unu E-klaso (tiu de Bill Maxey, en Powhatan, Virginia) ĉi-jare partoprenas la ILEI-projekton "Interkulturo".
Infanoj Ĉirkaŭ la Mondo (IĈLM), kiun fondis usonanino Charlotte Kohrs, nun estas parto de ELNA, sub la gvido de Komisiito pri Edukado, Kent Jones, kun Darlene Evans kiel kunordiganto (7 AAIE-anoj helpas ŝin). IĈLM ankoraŭ senpage poŝtas siajn libretojn kaj kasedojn al infanoj kiuj tion petas, kaj nun serĉas desegnojn pri ideala mondo por infanoj.
Ĉi-jare AAIE jarkunsidis la 21-an de majo en Atlanta, Georgia. Prezidis prezidanto Ron Glossop (ILEI vic-prezidinto), reelektiĝis kasisto Jim Droege, kaj elektiĝis Kent Jones kiel Eduka Sekretario. Oni faris rezolucion, kiu celis membrigi en AAIE novajn instruistojn de E-o, kiuj raportis pri siaj klasoj.
Aperas en la septembra numero de la AAIE-Bulteno statistikoj pri E-klasoj en Usono kiujn kompilas la Eduka Sekretario de AAIE. Tamen, multaj instruantoj ne sendas siajn informojn. Malgraŭ tio, lastjare oni raportis entute 38 klasojn kaj 1206 kursanojn, el kiuj 149 estis plenaĝuloj, 196 junuloj, kaj 861 infanoj. En lernejoj lernis 28 klasoj, 12 el kiuj estis por-kreditaj, 15 oficialaj, kaj 5 devigaj.
Laŭ la statuto de AAIE, ĉiu AAIE-membro estas aŭtomate ano de ILEI, kaj tiucele parto de la AAIE-kotizo kovras la ILEI-kotizon. Kvankam nun estas nur 34 AAIE-membroj, nia kasisto pagis al ILEI kotizojn por 60, ĉar multaj antaŭaj AAIE-anoj poste realiĝos, kaj ankaŭ, ĉar ni volas tiel subteni ILEI.
Ĉiu AAIE-membro ricevas nian Bulteno-n kvar fojojn ĉiujare. Kutime ekzemplero de IPR estas kun la Bulteno, kiu estas parte anglalingva kaj parte en Esperanto. Ĝiaj rubrikoj regule inkluzivas la jenajn: *ILEI-Aferoj, Volas Korespondi, De kaj pri niaj membroj, Legindaĵoj, Kalendaro, Instruado, kaj Esperanto Alilande.*

*Doroteo Holland, ILEI-Sekciestro por Usono*



# – BONA AMIKO

Ĉiu el ni, kiuj okupiĝas pri varbado kaj instruado spertas, ke estas pli facile alvarbi al lingvo-kurso ol daŭre teni la varbitojn. Tio estas vero malnova kaj ĝenerala. Tiu konstato estas valida por la angla, germana, franca lingvoj kaj dekoble por Esperanto, kiu nuntempe havas nur centonon de praktika utilo kompare al furoraj mondaj lingvoj. Konsciu, ke precipe la infana entuziasmo velkas rapide.

Kaj se la kursano ne spertas la praktikan utilon de la studado, li baldaŭ perdas sian elanon, sen kiu ne ekzistas sukcesa lingvolernado.

Konsciaj pri la supraj aferoj, niaj antaŭuloj jam en la komenco de la 20-a jarcento sentis la bezonon de gazeto kun relative facila lingvaĵo, kiun post du-tri monatoj da diligentaj studoj komencanto povas pli-malpli kompreni (vd. *La Juna Vivo, La Praktiko*). La unua sukceso rezultigas neforigeblan impreson. Probable ankaŭ vi gardas ie, en la profundo de la koro rememoron pri la unua rakonto, novelo, libro, kiun vi sola, sen helpo de instruisto, povis ĝui en fremda (!) lingvo. Tio estis kaj restis la tago de triumfo.

*Juna Amiko* volas liveri la senton de tiu triumfo al viaj kursanoj, al ĉiuj komencantoj, kiuj sopiras pri praktika utiligo de lingvolernado, ĝi volas helpi donante plusenergion por plua diligenta laboro.

La revuo kolektis ĉirkaŭ si kunlaborantojn el ĉiuj kontinentoj, de Aŭstralio ĝis Islando, de Brazilo ĝis Honkongo; entute 26 homojn el 18 landoj. Tio, per si mem, garantias buntecon, varian enhavon. En la revuo aperas kontribuaĵoj, verkitaj de homoj, vivantaj en tiu sama loko, kiun koncernas la prezentita evento. Pere de tiaj artikoloj vole-nevole senpere tuŝas vin la spirito de indiĝeneco. Ni neniam mistraktas eventojn pro politikaj aŭ aliaj subintencaĉoj, nenio estas kosmetikita, retuŝita. La redaktoro atentas nur pri tio, ke neniu etno, raso aŭ religio estu negative, tendence prezentita, ĉar ni konscias ke homaj kvalitoj dependas ne de aparteneco al certa homgrupo, ja ĉiu el ili havas kaj bonajn kaj abomenindajn individuojn. Ni volas trovi, kompreneble, en ĉiu homgrupo la valoron, la pozitivan flankon: tion, kio servas al la ceteraj kiel ekzemplodona imitindaĵo.

La pereo de *La Krokodileto* en la pasinta jaro klare pruvis, ke nia komunumo ne povas ankoraŭ vivteni gazeton, kiu celas tro malvastan tavolon, kiel la menciita periodaĵo infanojn de 8-12 jaroj. Ni volas helpi ĉiujn, kiuj antaŭ nelonge renkontis Esperanton, kiuj ankoraŭ havas lingvajn problemojn, kies vortprovizo estas relative malriĉa, kiuj bezonas la etenditan manon de bonvolaj samideanoj, koncize: ni celas ĉiujn, kiuj estas junaj laŭ sia esperantisteco.

Juna Amiko uzas lingvaĵon simplan, sed ne primitivan. Ni evitas longajn, malsimplajn frazostrukturojn. Nia baza vortprovizo, la plej oftaj 1500 radikoj garantias leksikan facilecon kaj ebligas relative fruan praktikan utiligon de la lingvo. Tio ne signifas ke ni fermas nin en kaĝo de leksika malriĉeco. Verdire, la

tuta vortstoko de Esperanto estas uzebla per klarigoj helpe de la elektita minimumo. La glosoj donas al la lernanto modelojn pri tio kiel ĉirkaŭskribi nekonatajn vortojn (komencantoj ofte devas kompreniĝi nociojn), aliflanke, ili instigas al la uzo de fidindaj unulingvaj vortaroj.

Oni trovas en la 28-paĝa, kolore presita gazeto verkojn diversajn laŭ lingvostila nivelo kaj amplekso. Mallongaj anekdotoj, kuriozaĵoj, versaĵetoj, ŝercoj, fabeletoj logas komencantojn al legado. Enigmoj ekscitas la scivolemon de pluraj legantoj, melodiaj kantetoj povas vigligi la etoson de kursoj. La revuo havas ankaŭ alian vizaĝon, pli seriozan. Ĝi instigas al plia fortostreĉo per konstanta kvizo, kies tasketoj celas kaj komencantojn kaj progresintojn. "Lingva doktoro" donas konsilojn al kursanoj kaj kursestroj pri tiklaj gramatikaj problemoj. Por instruistoj ni havas apartan rubrikon: "Por kursgvidantoj", kiu volas instigi al novaj metodikaj vojoj por vivigi studhorojn.

Prezento de diversaj landoj kaj kulturoj, skribosistemoj, elstaraj personoj, belaj rakontoj larĝigas la spiritan horizonton kaj amikigas kun popoloj najbaraj kaj malproksimaj. Serio de Baldur Ragnarsson "Bildoj el la historio de la Esperanta literaturo" regalas per "frandaĵoj" el nia kultura heredaĵo. Informoj pri aktualaj temoj, okazaĵoj intencas konduki en nian komunumon. Medioprotektado kaj informatiko altiras la atenton de multaj esperantistoj. El nura listigo de la konstantaj rubrikoj vidiĝas la praktikaj utilo kaj valoro de la revueto.

La redakcio konscias, ke revuo ne povas ŝvebi en vakuo. Bona periodaĵo devas mobilizi kaj ligi la legantojn al ekzistantaj aktivadoj kaj pere de ili al la komunumo. Jam en la unua periodo de sia ekzistado Juna Amiko estis firme ligita al la agado de Kastora Klubo, tre aktiva tiutempe. Nun ĝi flegas kontakton kun "Infanoj Ĉirkaŭ La Mondo" kaj precipe kun la projekto INTERKULTURO (ni redaktas por la klasoj apartan kromfolion). Ni sekvas la principon: "La aferoj interdependas". Sukcesa agado en unu direkto fortigas alian kaj inverse, ju pli oni kroĉas sin al funkciantaj aktivadoj, des pli forta fariĝas la efiko.

De du jaroj nia revueto havas hejmpaĝon en Interreto (*www.banyai-kkt.sulinet.hu/esper-anto*), kie vi trovas fragmentojn el la aktuala numero de Juna Amiko. Krom la plena redaktistaro tie troviĝas la listo de la perantoj por la revuo kun adresoj kaj abontarifoj. Vi povas konsulti la liston de niaj 1500 bazaj vortoj uzataj sen piednotoj, la tutan liston de la legantoj, kiuj partoprenas en la kvizokonkurso, la solvon de la lasta kvizo kaj la novajn tasketojn kies solvojn vi povas sendi ankaŭ retpoŝte al la kompilinto, kiu ĉiu-numere venas el alia lando. Nia TTT-ejo estas atingebla ankaŭ pere de la hejmpaĝo de UEA (*www.uea.org*).

Mi povus ankoraŭ longe paroli pri diversaj aspektoj de nia 27-jara internacia revuo, kiu superis laŭ vivodaŭro ĉiujn siajn antaŭajn fratetojn (mi scias pri ne malpli ol kvin el ili), sed gravas ne la pasinteco, sed la futuro. Mi estas profunde konvinkita pri tio, ke reciproka interagado gravas: se niaj instruistoj kaj kursgvidantoj, komprenínte la signifon de internacia revuo por komencantoj, plu apogos nin kiel ili faris ĝis nun, tiuokaze ankaŭ ni povos efike helpi, pli kaj pli

kontentigi la bezonojn, postulojn de la kolegoj. Por atingi tiun idealan staton, mi petas vin ĉiujn sincere eldiri vian opinion, doni utiligeblajn konsilojn, pro kiuj anticipe dankas:

*Geza KURUCZ, redaktoro de Juna Amiko*

# Anoncoj

**Tradukistoj serĉataj**

ID-projekto serĉas tradukistojn, denaskajn en iu de la sekvaj lingvoj: angla, franca, hispana, rusa, kiuj kapablas traduki tekston el Esperanto al unu el tiuj lingvoj kaj/aŭ ankaŭ el ili al E-o. La nivelo de la tradukoj devas esti bonega, ja ili aperos en la ttt-ejo de la projekto. La laboro povas esti farata kiel subtena agado por la projekto, sed eblas ricevi pagon (4 eŭrojn popaĝe) tra via UEA-konto. Laborŝarĝo laŭ viaj ebloj, limdatoj laŭ interkonsento. Necesas reta aliro kaj word(-simila) tekstoprilaborilo.
Interesatoj turnu sin al Katalin Smidéliusz smidik@fsd.bdtf.hu

*NdlR – Al la legantoj, kiuj volas sekvi la okazaĵojn kaj rezultojn de la ID-projekto, ni konsilas viziti la hejmpaĝon www.idnetwork.nl.*

**Lernolibro pri optiko**

János Sárközi, hungara ano de ILEI verkis lernolibron pri optiko. La aktuala varianto de la libro troviĝas en la TTT-paĝo: www.esperanto.hu/libroj. Li tre volonte ricevus viajn reagojn, komentojn, kritikojn por ke li povu korekti, plibonigi la libron. Lia retadreso: sarkozi32@freemail.hu

***

# Postparole

Nia redakcio daŭre serĉas provlegantojn, prefere kun reta aliro kaj kapablo malfermi Word-dosierojn. Alia: pro la ne-fidinda funkciado de la centra komputilo, la TTT-paĝoj de IPR ankoraŭ ne perfekte funkcias. Pardonu! Laŭ niaj planoj, sur tiuj paĝoj aperos la kompletaj variantoj de tiuj artikoloj, kiujn en IPR ni devas mallongigi.

*Jozefo Németh, redaktoro*


**REDAKCIAJ INFORMOJ**

**Respondeca eldonanto** (verantw. uitgever): R. Wylleman, A. Vermeylenstr. 65, BE-8400 Oostende. **Presado:** Flandra Esperanto Ligo, Frankrijklei 140, BE-2000 Antwerpen, Tel: +32-3-234 34 00.
**Redaktejo:** NÉMETH József, HU-8531 IHÁSZ, Fő u. 41/5. Rete: *nlalt@konyvtar.c3.hu*, tel: +36-89/ 356-050. La retadreso de nia vicredaktoro: *smidik@rik.bdtf.hu*. Ŝi povas akcepti faksojn per komputilo (+36-94/ 320-313), sed avertu ŝin telefone antaŭ ol vi faksas.
La nunan numeron ni sendis al la presejo la 8-an de septembro, **redaktofino por la sekva numero: la 31-a de oktobro 2000.**

## LABORKOMISIONOJ

**Ekzamena:** Atilio Orellana Rojas (prezidanto), Hans ten Hagen (sekretario)
**Elekta:** Gwenda Sutton (kunvokanto), Maritza Gutierrez, Joseph Catil
**Kontrola:** Bertil Andreasson, Lars Forsman, Bo Sandelin
**Lerneja:** Marija Beloŝeviĉ, Jennifer Bishop, Renato Corsetti, Stefan MacGill, Géza Kurucz, Maŭro La Torre, Raita Pyhälä
**Regulara:** Rob Moerbeek, Hans ten Hagen
**Terminara:** Maŭro La Torre

## KUNLABORANTAJ INSTITUCIOJ

**IEI:** Internacia Esperanto-Instituto, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando
**UEA:** Universala Esperanto-Asocio, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando
**UNESKO** (*en operaciaj rilatoj*). Reprezentanto de ILEI: François Lo Jacomo, 42 quai de la Loire, FR-75019 Paris, Francio

## MEMBRIĜO AL ILEI KAJ PAGADO POR ALIAJ SERVOJ

ILEI estas jure registrita ĉe la komerca ĉambro en Den Haag sub numero 27.181.064.
La membreco inkluzivas ricevon de 4 numeroj de IPR jare. Turnu vin al via landa sekcio, kiu fiksos kotizon en via propra valuto. Por pagi rekte al la internacia ILEI, skribu al la kasisto.
**Kasisto de ILEI:** Boo Mee Kim-Lindblom, Stenbockens gata 102, SE-136 62 Haninge; tel. (+46 8) 777 4175, <boomee.kimlindblom@swipnet.se>, poŝtĝirkonto: 682117-7.
Membro-kotizoj: A-landoj (laŭ UEA-divido): 14 EUR, B-landoj: 8 EUR. Simpla abono sen membreco: 18 EUR.
Pro altaj banko-kostoj, evitu bankĉekojn kaj eĉ internaciajn poŝtoĝirojn; taŭge plenumita Eŭroĉeko plej bonas. Alia pagmaniero estas al UEA: **UEA**, Nwe. Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, pĝk 37 89 64. UEA akceptas kredit-kartajn pagojn. Klare indiku la celon de la pago. Kontoj ĉe UEA: ilek-a (ĝenerala), juna-l (Juna amiko) kaj pike-b (Projekto Interkulturo). Detala listigo de pagmanieroj al UEA aperas sur p. 37 de Jarlibro 1999. Prefere informu senpere la kasiston de ILEI pri la enpago.
**Reklamtarifoj por IPR:** 180 EUR por plena, 110 EUR por duona kaj 70 por kvarona paĝoj. Tio inkluzivas bazan grafikan pretigon; kostojn de ekstra pretigo oni rajtas fakturi. Sekcioj reklamante edukajn projektojn rajtas peti trionan rabaton.

## Interreto

http://lps.uniroma3.it/ilei *Bazaj informoj pri ILEI kun ligoj al aliaj paĝoj*
http://lps.uniroma3.it/eins *La diskutejo E–INS pri Esperanto-instruado*
http://lps.uniroma3.it/eler *Tabelo de Esperanto en lernejoj (E-LERnejoj)*
http://lps.uniroma3.it/kler *Kvazaŭlernejo "Tibor Sekelj" por la Projekto Interkulturo.*
http://www.esperanto.nu/ileibulteno/index.html *ILEI-Bulteno*
www.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto *Juna Amiko*
www.hungary.net/esperanto/tend-tag.htm *Tendaraj Tagoj (angla priskribo)*
www.nl-papa.hu/ipr/ *Internacia Pedagogia Revuo*

# SEKCIESTROJ de ILEI

**Albanio**: Bardhyl Selimi, Rr. Maliq Muco, Pall. 50, ap. 3, AL-Tirana

**Argentino**: Teresita Alaníz, El Ombú s/n, AR-5801 Alpa Corral

**Aŭstralio**: Jennifer Bishop, 39 Hill Street, Hawthorn, Victoria AU-3122 🖳: *esperanto@education.monash.edu.au*

**Belgio**: Raymond Wylleman, A. Vermeylenstr. 65, BE-8400 Oostende

**Brazilo**: Elvira Fontes, Rua Machado de Assis 243, ap. 11, BR-04106-010 Sao Paulo (SP)

**Britio**: Malcolm Jones, 1 Regent Avenue, Skipton, GB-North Yorkshire BD23 1AZ

**Ĉeĥio**: Jana Melichárková, CZ-696 02 Ratiškovice 938 🖳: *mmelicharek@iol.cz*

**Ĉinio**: Zhang Danchen, General Foreign Languages Dept., 29-34 North Part, Huazhong Normal University, CN-430070 Wuhan 🖳: *zdchen@public.wh.hb.cn*

**Finnlando**: Raita Pyhälä, Jykyrintie 3, FI-69440 Lestijärvi, 🖳: *raita.pyhala@lestijarvi.fi*

**Francio**: Marie Malezieux-Hunninck, Grand rue, FR-86410 Bouresse

**Germanio**: Michael J. Scherm, Von Thürheimstr. 47, DE-89264 Weissenhorn

**Hungario**: József Németh, Kilián ltp. 75/9, HU-8500 Pápa 🖳: *nlalt@konyvtar.c3.hu*

**Irano**: Hamzeh Ŝafii, P.O. kesto 17765-184, IR-Teheran 🖳: *ilei.ir@esperanto.org*

**Italio**: Luigia Oberrauch Madella, via Prampolini 8, IT-43100 Parma 🖳: *vmadella@tin.it*

**Japanio**: Masumi Suzuki, Inokashira 3-5-12, Mitaka-shi, Tokio, JP-181-0001

**Katalunio**: Luz Vázquez, Apartat 553, ES-43200 Reus 🖳: *ilei-cat@esperanto.nu*

**Kroatio**: Ivan Bekavac-Basić, Kuŝlanova 59, HR-10000 Zagreb

**Kubo**: H. Jiminéz, Apartado 5120, CU-10500 Ciudad de la Habana 🖳: *kubesp@ip.etecsa.cu*

**Nederlando**: Hans ten Hagen, Middenweg 587, NL-1704 BH Heerhugowaard 🖳: *ten.hagen.esperanto@wxs.nl*

**Norvegio**: Björn Thuv, Aröyveien 33, NO-3135 Torod 🖳: *bthuv@c2i.net*

**Pollando**: Maria Majerczak, ul. Armii Krajowej 7, m. 122, PL-30 150 Krakow, ☎: (+48 12) 638 14 49

**Rumanio**: Prof. Popa Florica, Str. Eroilor 29, ap.7. RO-1900 Timisoara

**Rusio**: Irina Gonĉarova, Moloeznaja 38-10, Odincovo 2, Mosk. obl. RU-143000 🖳: *ab2928@mastak.sitek.ru*

**Svedio**: Bertil Andreasson, Södra Rörum pl. 455, SE-24294 Hörby 🖳: *bertil.andreasson@horby.mail.telia.com*

**Svislando**: François Randin, Str. Vallombreuse 14, CH-1004 Lausanne 🖳: *ilei.ch@esperanto.nu*

**Togolando**: Attiogbe-Agbemadon B., Mensah, T. I. E. To, B.P. 13169, Lome-TOGO, 🖳: *esp.togo@cafe.tg*

**Usono**: Doroteo Holland, 5140 San Lorenzo Dr, Santa Barbara, CA 93111-2521 (US) 🖳: *72644.2450@compuserve.com*

**Ĉilio**: Héctor Campos Grez, Casilla 231, Curicó, CL-Séptima Región 🖳: *strigo@ctcreuna.cl*

**Danio**: *vakas*

**Estonio**: Helgi Hromova, Pk. 94, EE-3053 Keila

**Islando**: Loftur Melberg, Skolabraut 1, IS-220 Hafnarfjördur

**Israelo**: Murjan Josef, P.K. 1289, IL-61012 Tel-Aviv

**Jugoslavio**: Radojica Petroviĉ, Bul. Oslobodjenja 36, YU-32000 Ĉaĉak 🖳: *radp@emi.yu*

**Kongo**: Ngangu Nduantoni-Bakidila, B.P. 13, CG-Lukala (Bas-Zaïre)

**Kostariko**: Hugo Mora Poltronieri, Apartado 4981, CR-1000 San José 🖳: *miaumiau@pop.racsa.co.cr*

**Koreio**: So Ĵin Su, Dept. de Ekonomiko, Universitato Kangnam, Kugali Kihung-up, Yongin-gun, Kyonggi-do KR-499-900 🖳: *so@kns.kangnam.ac.kr*

**Litovio**: Algimantas Piliponis, Karolinisiu 3-93, LT-2044 Vilnius

**Nov-Zelando**: Gwenda Sutton, 12C Herbert Gardens, 186 The Terrace, NZ-Wellington 1 🖳: *Sir_Lancelot@compuserve.com*

**Portugalio**: João Jose Santos Rua da Escola, lote 57 - r/c esq Vale Grande, PT-1675 Pontinha

**Slovenio**: Marija Zlatnar-Moe, Miliĉinskega 66, SI-1000 Ljubljana. 🖳: *Marija.Zlatnar@guest.arnes.si*

**Ukrainio**: Svetlana Fedotova, P.O. Kesto 88, UA-253222 Kiev

**Uzbekistano**: Eugeno S. Perevertajlo, Ab. kesto 140, UZ-700000 Taŝkent, CIS 🖳: *eugeny@esper.gimli.com*

**Venezuelo**: Prof. J.E. Bachrich, Apartado VE-70782, Caracas 1071 A

# REPREZENTANTOJ de ILEI

**Armenio**: Lida Elbakjan, Moldovakan 26/2, kv. 52, AM-375062 Erevan

**Bosnio kaj Hercegovino**: Nimeta Kulenoviĉ, Branica Sarajeva 15/V, BA-71000 Sarajevo

ilei